XXVI-a Jaro. — Nº 359-360 (7/8). Monata Julio-Aŭgusto 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Ŝtata enkonduko de Esperanto

La problemo pri ŝtata enkonduko de nia lingvo ĉiam priokupis la esperantistaron. Jam ĉe la Unua Kongreso en Boulogne 1905, oni diskutis du rezoluciojn, unu pri oficiala rajtigo de Esperanto en internacia telegrafado, alia pri deviga instruado en lernejoj.

La unua reprezentis la deziron pri oficiala rekono, la dua pri definitiva akcepto.

Necesis dudek jaroj da granda laborado por atingi la unuan ŝtupon. La rekomendo de la Ligo de Nacioj en 1924 kaj la decido de la Interŝtata Telegrafa Unio en 1925 signifis, ke la registaroj konstatas la ekziston kaj praktikan uzadon de Esperanto kiel helpa mondlingvo.

Pri devigo en lernejoj la plimulto ne deziris sin ligi. Kelkaj ŝatis la ideon, kelkaj preferis atendi kion decidos la faktoj kaj aliaj deziris kontraŭbatali por favori sian propran nacilingvon aŭ tiun de politikaj amikoj.

Nun kelkaj esperantistoj ŝatus, ke oni arangu kongreson de registaroj por ekzameni la mondligvan problemon kaj fine decidi. Tiun ideon ni ne povas aprobi en ĝenerala formo. Longa sperto pri rilatoj de registaroj al nia afero montras, ke ni devas nin severe gardi de ĉiu klopodo sur bazo teoria. Politikaj vidpunktoj tuj regus tian kongreson kaj uzus ĉiajn eblajn lingvajn ludojn por atingi siajn celojn.

El tia kongreso venus neniom da bono kaj multe da malbono. Cetere estas tre dubinde, ĉu iu volus ĝin kunvoki, pri kio neniu plendu.

Ne, la vojo ne kuŝas tie. Se ni scias ion lerni de la spertoj, ni konstatos, ke niajn verajn sukcesojn ni ĉiam gajnis sur la vojo praktika. Tie ni devas daŭrigi la klopodadon.

Neniel utilas inviti lupojn en la ŝafaron kaj faciligi la taskon de malfavoraj oficialuloj. Multe pli saĝe estas sin turni al tiuj, kiuj vere interesiĝas kaj havis sub la okuloj pruvojn pri taŭgeco de Esperanto en uzo kaj en instruado.

Tion konsilis nia konferenco de ŝtataj instruantoj de Esperanto kunveninta ĉe la Ligo de Nacioj antaŭ kelkaj jaroj. Ĝi rekomendis tekston de interŝtata interkonsento. Se minimumo de ses registaroj ĝin subskribus, tiam la enskribitaj promesoj ekvalorus kaj la ses povus agi paralele kaj « reciproke ».

Nu, de tiu tempo, ni ne sidiĝis por fumi pipon atendante la belan veteron. Ni rilatis kun tiuj registaroj kaj ŝtatistoj, kiuj vere deziras la sukceson de nia ideo. La plej sinceraj reprezentas malgrandajn landojn. Bedaŭrinde tiaj homoj ne estas multaj kaj la ŝanĝoj de registaroj fariĝas tiel oftaj, ke ĝuste tiu falas, kiu tenis ĉion en la mano en la momento, kiam aranĝo estas preta kaj matura. Tiam ĉio devas esti rekomencata.

Nu, ankaŭ tio ne devas nin malkuraĝigi, sed nur instrui per sperto. La tekston de la ĝeneva Interkonsento eĉ niaj plej simpatiaj subtenantoj opiniis ankoraŭ tro « deviga » kaj neakceptebla de registaroj.

Ili demandas ekzemple ĉiam : kiu instruos se oni subite enkondukus la lingvon ? Ĉu ni povas montri sufiĉan pretan personaron aŭ garantii sufiĉan kompententecon post rapida preparo ?

Poste ili rimarkas prave, ke tia kontrakto ne povas decidi kion faros registaro, sed nur faciligi ĝian taskon antaŭ parlamento. Kiam ĝi proponos novan progresigon de esperanto-instruado, helpos la fakto, ke ses diversaj landoj sin deklaris pretaj fari similon, se ne ĝuste samon.

Post serioza intertraktado kun du ĉefministroj kaj pluraj ministroj de publika instruado kaj de eksterlandaj aferoj, ni korektis la tekston de la Ĝeneva Interkonsento laŭ iliaj konsiloj.

Ĝi nun staras en kontentiga jura formo. Ĉu ekzistas ses naciaj societoj pretaj entrepreni la necesajn propagandon kaj paŝojn por atingi la subskribon de sia registaro ? Ili skribu al ICK por ricevi la tekston kaj detalojn.

Kun komuna plano kaj energia nacia klopodado, ni povus baldaŭ atingi tiun dezirindan ŝtupon. Kiam estos ses kaj la plenumo komenciĝos, tiam estos multe pli facile atingi sep kaj dek kaj tiel plu. Nenio varbas tiom sukcese, kiom ekzemplo.

Edmond Privat.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## Ĝia celo, ĝia laboro. Ĝia bezono kaj ĝia utilo.

*Ni ofte konstatis, ke pri UEA nia Membraro havas neprecizan komprenon rilate al ĝia organizo kaj funkciado. La statuto, kiu ja priskribas tion, estas formala, eĉ seka kaj konsultata nur kiam bezonata. Por ke nia Membraro havu klaran komprenon ni petis malnovan amikon de nia Asocio verki artikolon pri tiu temo kaj ni estas feliĉaj prezenti al vi tiun laboron. Multon oni povus rakonti ja el la praktika ĉiutaga laboro, sed por kunigi tiujn faktojn necesas tempo kaj bonhumoro. Tamen ni estas certaj ke la bonvolaj legantoj ĉerpas el tiuj linioj valorajn informojn kaj ĉefe klarecon pri ĉefaj aferoj.*

*(Direktoro).*

---

« Puŝi nian aferon en la vojon de la praktikaj aplikaĵoj per kreado de diversaj internaciaj servoj per Esperanto; krei fortikan ligilon de solidareco inter diverslandaj samideanoj kaj doni al nia afero praktikan fundamenton », jen la ĉefaj ideoj kiuj gvidis S-ron Hector Hodler en Genève al la fondado de nia Asocio. La 28an de Aprilo 1908 ĝi ricevis sian nomon kaj unuan komitaton, kun S-ro Bolingbroke-Mudie kiel Prezidanto kaj S-roj Hodler, Rousseau, Carles kaj Blaise kiel ĉefaj kunlaborantoj.

Laŭ la nuna statuto; Universala Esperanto-Asocio celas: « Disvastigi la uzadon de la helplingvo Esperanto. »

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio au lingvo.

Krei internaciajn servojn, uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.

UEA estas neŭtrala rilate al religio, nacieco au politiko, kaj viroj kaj virinoj estas en ĝi egalrajtaj.

Sekvas ke UEA estas internacia, pli korekte supernacia, societo por progresigi Esperantismon, unuflanke kreante okazojn por uzi la lingvon, aliflanke alcelante amikajn sentojn inter la homoj kaj tiel disvastigante la ideon de Majstro Zamenhof.

UEA staras inter la naciaj kaj la fakaj societoj. Dum la naciaj societoj propagandas kaj instruas la lingvon en sia lando, UEA zorgas por ĝia internacia apliko; tamen la celo de UEA estas, kiel ĉe la naciaj societoj, pure esperantista, kompare al la fakaj societoj kiuj sin okupas pri apartaj taskoj.

El la Esperantistoj de ĉiuj landoj, kredoj kaj okupoj, UEA kunigas la personojn kiuj volas aktive partopreni la tutmondan esperantistan vivon kaj estas pretaj kunpagi al la kostoj de organizo por tio necesa. Ĝi do ne anstataŭas grupojn aŭ naciajn societojn, sed formas ilian internacian komplementon.

---

Nia asocio estas sendependa societo kun jura personeco, regata de siaj membroj laŭ demokrata sistemo. Kun la naciaj societoj esperantistaj, kunigataj inter si per la Konstanta Reprezentantaro, UEA faris en 1922 kontrakton, laŭ kiu ambaŭ elektas kune la Internacian Centran Komitaton, por prizorgi la ĝeneralajn interesojn de la movado kaj okazigi la internaciajn kongresojn. Tiu Internacia Centra Komitato, la Konstanta Reprezentantaro, UEA, kaj la Lingva Komitato nomiĝas la « oficialaj institucioj » de la neŭtrala Esperantistaro. Tiel estas per kontrakto atingita la necesa unueco de la movado, gvidata de la morala aŭtoritato de la Internacia Centra Komitato kaj de la Lingva Komitato, dum restas al ĉiu parto plena libereco, administri siajn proprajn aferojn.

El la multaj antaŭaj provoj de internacia organizado, ĉi tiu solvo montriĝis la plej simpla kaj taŭga. Esperinda estas la aliĝo de la grandaj ne politikaj fakaj societoj.

---

La organizo de UEA estas fiksita per ĝia statuto, detale pritraktita dum la kongreso de Hago kaj akceptita per voĉdono de la Delegitoj dum Novembro-Decembro 1920.

### *Membroj.*

Povas aliĝi ĉiu honorinda persono, pagante sian kotizon al la Delegito aŭ al la Centra Oficejo. Se kandidato ne estas akceptita, tiam tri membroj de la asocio povas peti finan juĝon de la prezidanto de UEA.

Ĉiuj membroj havas samajn fundamentojn rajtojn: voĉdoni, elekti Delegiton, ricevi membrokarton kaj jarlibron, uzi la servojn, iniciati ŝanĝojn kaj plendi.

La diversaj kategorioj de membroj nur diferenciĝas laŭ ilia pago: Honoraj membroj, senpagaj. — Ordinaraj Membroj: 5.— Fr. svisaj. — Membroj-Abonantoj: 12.50 Fr. kun abono al « Esperanto ». — Membroj-Subtenantoj: 25.— Fr., al kiuj laŭpove oni donas pliajn presaĵojn. — Membroj Dumvivaj: Pagantaj unu fojon 300. —Fr. por membreco kaj abonado. (Antaŭ la milito: 125.— Fr.).

Tiuj prezoj estis deciditaj de la Delegitoj dum novembro 1920 do ili ne ŝanĝis depost 10 jaroj, malgraŭ la granda plikariĝo de la vivkostoj. Male, nia asocio treege malaltigis la prezojn dum la postmilitaj krizaj jaroj, fiksinte favorajn kurzojn por la malriĉiĝintaj landoj, 37-40 % sub la efektiva valoro. Por konservi la membrojn kaj funkciigi la oficejon ĝi oferis gravan parton de sia havaĵo.

Finiĝo de la membreco. Kiu ne pagas ĝis fino de Julio, tiu estas forstrekata el la listoj. Jura pagdevigo por pluraj jaroj ne ekzistas, pro praktika malebleco ĝin efektivigi. Sed ni atentigas la novajn aliĝantojn ke ilia aliĝo kaŭzas al la asocio laboron kaj elspezojn, tial ni estus dankemaj se ili restus almenaŭ kelkajn jarojn, por ke UEA ne fartu malpli bone ol tiuj societoj kiuj postulas specialan enirpagon. — Alia, malofta finiĝo de membreco okazas per eksigo pro gravaj kaŭzoj, laŭ procedo precize fiksita. — Kompreneble ne mankis proponoj krei ankoraŭ pli multajn kategoriojn da membroj, ekz. familiaj aŭ helpmembroj sen jarlibro, k.t.p. Sed: Membroj sen gazeto kaj eĉ sen jarlibro perdus plene la kontakton kun la asocio; la eldoncifero de la jarlibro riskus malaltiĝi, do kreskus la kosto po ekzemplero; kaj tro malalta kotizo favorigus malseriozajn aliĝojn sub kiuj suferus UEA same kiel la lokaj societoj.

### *Delegitoj.*

Delegito estas la loka reprezentanto de UEA, li varbas membrojn, enkasigas la kotizojn, faras la servojn kaj funkcias rilate la administradon kiel peranto inter la membroj kaj la estraro de la asocio.

En lokoj kun minimume 10 membroj, nombro kiun UEA devus atingi en ĉiuj urbetoj, la Delegito estas elektata de la membroj. En aliaj lokoj, elektas lin la Direktoro.

La Delegito kunvenigas siajn membrojn ĉiujare por priparoli la aferojn de la asocio. Grupojn por komuna lernado de la

lingvo, kun regulaj kunvenoj kaj koncerna loka kotizo, UEA nek havas, nek alcelas.

Rilate la asocion, la Delegitoj reprezentas en ĝi la volon de siaj membroj, kiel ĉefa leĝodonanta instanco. Ĉiuj gravaj aferoj, kiel la elekto de la komitato, la fikso de la kotizoj, ŝanĝo de la statuto k.t.p. estas submetataj al skriba voĉdono de la Delegitoj, en kiu ĉiu Delegito havas unu voĉon po 9 membroj, kaj unu plian po plia deko. Aliflanke la Delegitoj estas honoraj oficistoj de la centra administrado, laborantaj laŭ ĝiaj instruoj. Tiel la elektoj rondiras en unu direkton, kaj la kompetentecoj en la alian: Membro elektas Delegiton, ĉi tiu la Komitaton, la Komitato nomigas la Direktoron kiu rilatas kun la Delegitoj kaj, kiom eble, kun la membroj. Tiu sistemo kunigas plej eblan demokratecon pri gravaj decidoj al simpleco kaj efikeco de la laboro. La ofictempo de Delegito, kiel de ĉiuj oficliavantoj estas tri jaroj, dum kiuj li restas nerevokebla, escepte pro gravaj kaŭzoj.

La plej interesa tasko de la Delegito estas la servoj, t.e. respondi al la informpetoj de fremdaj membroj pri lokaj kondiĉoj, k.t.p. kaj helpi ilin per konsiloj dum vojaĝo. La Delegito konservas 10 % de la kotizoj de li enkasigitaj kaj la respondkuponojn de UEA kiujn ĉiu informpetanto aldonu al sia letero. Tiuj enspezetoj ofte ne pagas liajn kostojn, neniel ili rekompencas lian penadon.

La Delegiteco estas honora ofico; de ĝia konscienca plenumo dependas grandaparte la loka funkciado de UEA kaj per ĝi la uzebleco de nia lingvo por internaciaj rilatoj. La granda plimulto de la Esperantistoj ne taksas sufiĉe alte la mirindan bonŝancon havi en preskaŭ ĉiuj gravaj lokoj reprezentanton de la movado, facile troveblan per la jarlibro, je ilia dispono por ĝeneralaj informoj, kontraŭ la modesta asocia kotizo. La interna valoro de tiu aranĝo meritas multe pli grandan uzadon ol ĝis nun. Aliflanke estas eble utile atentigi certajn personojn ke S-ro la Delegito de UEA ne estis elektita por porti valizojn, promenigi plezuremulojn aŭ perdi sian tempon por dissendi ilustritajn poŝtkartojn. Kion unu faras escepte pro afableco, ne fariĝu devo por la aliaj.

### *Ĉefdelegitoj.*

La Ĉefdelegito estas la reprezentanto de UEA en grandega urbo, landparto aŭ lando. Lia geografia agadkampo nomiĝas « teritorio ». La Ĉefdelegito konsilas kaj gvidas la Delegitojn, peradas iliajn rilatojn kun la Centra Oficejo de UEA aŭ prizorgas memstare certajn administrajn taskojn.

La organizo de la teritorioj similas tiun de la lokoj: Elekto de la Ĉefdelegito per la Delegitoj, se en la teritorio troviĝas minimume 15 Delegitoj kun entute 75 membroj, alie elekto per la Komisiono de UEA. Ĉiujara kunveno pri komunaj aferoj, preferinde dum nacia esperantista kunveno; se eble propra oficejo kun sekretario, teritoria kaso plenigota el parto de la Delegita procentaĵo, k.t.p. En voĉdonadoj, la Ĉefdelegitoj havas senescepte nur unu voĉon, sed, pro ilia granda administra sperto, ili estas plej valoraj kunlaborantoj kaj konsilantoj de la Direktoro.

Jam antaŭ la milito montriĝis dezirinde krei administran instancon inter la Centra Oficejo en Ĝenevo kaj la tiam proksimume 1.000 Delegitoj, tial oni dividis Eŭropon en kelkcentoj da « distriktoj » kun po unu « distrikta Delegito ». La spertoj kun tiu tro laŭskema metodo montriĝis ne kontentigaj, la distriktoj estis tro malgrandaj kaj multnombraj, la taskoj donitaj al iliaj estroj ne sufiĉe interesaj, ankaŭ mankis ofte la taŭgaj personoj.

La nuna aranĝo estas pli elasta, oni kreas teritoriojn nur laŭ bezono, interkonsente kaj kun la helpo de la koncernaj Delegitoj; la agadkampo de la Ĉefdelegito estas pli vasta, liaj taskoj kaj kompetentecoj pli gravaj.

Kiel ekzemplo ni prenu du ekstremajn kazojn. En lando kun tre malforta movado, kun preskaŭ neniuj Delegitoj, la Ĉefdelegito estas la predikanto en la dezerto kiu konatigas UEA, faras la unuajn servojn, klopodas trovi Delegitojn, k.t.p. Male, en lando kie UEA estas tre bone reprezentata, la Ĉefdelegito malfermas kun la helpo de sekretario filion de la Centra Oficejo, koncentrigas la kotizojn, la kontrolon de la membroj, la dissendon de la presaĵoj. Tiel la membroj estas pli rapide servataj, multe da laboro kaj poŝtelspezoj ŝparataj. Evidente ankaŭ estas, ke enlanda administranto povas sin aranĝi pli racie kaj vigligi la rilatojn kun siaj Delegitoj kaj membroj. Havi multajn tiel nomitajn « plene organizitajn » teritoriojn estus idealo, sed ĝuste pro tio rekomendiĝas nur krei ilin tie, kie sufiĉaj spezoj kaj la pruvitaj kvalitoj de la elektotaj personoj esperigas sukceson. Ĉiel la internacieco de la Asocio kaj la unuformeco de sia agado kaj servoj devas resti konservataj.

*Anstataŭantoj.* Flanke de la Prezidanto, Ĉefdelegito kaj Delegito UEA elektigas Vicprezidanton, Vicdelegiton k.t.p. kun la tasko helpi la oficliavanton, kaj anstataŭi lin se li ne povas funkcii aŭ eksiĝas dum la trijara ofictempo.

### *Centra Organizo*

La Centra Organizo konsistas el la Komitato (kun Komisiono kaj Prezidanto), el la Centra Oficejo kun sia Direktoro, la gazeto « Esperanto » kun sia Redaktoro, kaj el tri esprimiloj de la membra volo: la kongreso, la skriba voĉdonado de la Delegitoj kaj tiu de ĉiuj membroj.

*La Komitato* havas 15-25 membrojn, elektitaj de la Delegitoj por tri jaroj kaj reelekteblaj. La diversaj landoj aŭ grupoj de landoj estu en la Komitato reprezentataj proporcie al la nombro de niaj membroj en ili, tamen estas kompreneble ankaŭ konsiderataj la antaŭaj servoj de la komitatanoj kaj ilia atingebleco.

La Komitato fiksas la ĝeneralan agadon de la asocio, elektas la supre cititajn oficliavantojn, privoĉdonas la jarajn raportojn kaj decidas pri apelacioj en gravaj kazoj.

*La Prezidanto* de UEA reprezentas la asocion en ĉiuj eksteraj, ne pure administraj rilatoj, subskribas la ĉefajn dokumentojn kaj prezidas la komitaton kaj kongreson. En urĝaj okazoj li havas la kompetentecojn de la komitato, ankaŭ li povas provizore ŝanĝi la kutiman organizon en loko aŭ lando kie eksterordinaraj kondiĉoj malebligas laŭstatutan agadon.

*La Komisiono* de UEA konsistas el 5 aŭ 7 Komitatanoj loĝantaj en landoj ne tro malproksimaj de la oficiala sidejo, kun la tasko decidi konforme al la instruoj de la Komitato pri ĉiuj aferoj superantaj la kompetentecojn de la Direktoro, Redaktoro kaj de la Ĉefdelegitoj.

« Komitato kaj Komisiono kunvenas ĉiujare okaze de la kongreso, la Komisiono se eble pli multe. »

Jen artikoleto de la statuto malfacile efektivigebla. Komitato kaj Komisiono penplene interrilatas per cirkuleroj aŭ leteroj, en la kongresoj malofte ĉeestas pli ol la duona Komitato, kaj unu fojon kunvenis la Komisiono por laborkunsido ekster la kongresoj. UEA estas verŝajne la sola granda internacia societo kies kondukantaj kaj respondaj personoj mankas la eblecon interkonsiliĝi parole kelkajn fojojn dumjare kaj preni la necesan kontakton kun la Direktoro kaj Centra Oficejo. La kaŭzo? Monmanko! Al siaj Komisionanoj, entute ne riĉaj, UEA devus pagi la vojaĝkostojn; ne povante fari tion, ĝi perdas valoran rimedon perfektigi sian funkciadon per la persona kunlaboro de spertaj samideanoj. Jen bela okazo al oferemuloj krei fondaĵon por utila celo.

*La Direktoro de UEA kaj la Centra Oficejo.*

La Direktoro estas la plej supera oficisto. Li administras la asocion, funkciigas la Delegitojn, rilatas tiom kiom eble kun la membroj, verkas la jarlibron, kontrolas la servojn, eldonas la gazeton, spezas la monon, faras la raportojn, studas novajn aranĝojn kaj portas la zorgojn de la tuta entrepreno. Por ĉion bone fari, deko da oficistoj ne estus troa, fakte UEA havas nur kvar ĝis kvin kies sindona laboremo devas anstataŭi la mankantan nombron. — Specialaĵo de la oficejo estas la grandega po-karta sistemo (sliparo) kun la nomoj kaj adresoj de ĉiuj estintaj kaj nunaj membroj. El kontrolo necesa por la ordinara administrado, ĝi fariĝis pro sia dekkvinjara kompleteco valorega, ne anstataŭebla nomaro esperantista. Kion siatempe la Majstro estis revinta, tio realiĝis grandaparte en Ĝenevo. Dank' al la sistemo de UEA senpere akcepti kaj enregistri la membrojn, ĝi disponas pri nomaro kiu ebligas korespondi tra la tuta mondo, doni adresojn al societoj aŭ gravaj firmoj kiuj volas provi la utilon de Esperanto dissendante katalogojn k.t.p., ankaŭ ĝi jam servis por retrovi aŭ doni lastajn informojn pri malaperintaj personoj. Al la movado tiu registrejo de la esperanta familio jam multe helpis, amikoj reprenis per ĝi interrompitajn rilatojn, propagandistoj trovis en ĝi la nomojn de antaŭaj erperantistoj kiujn ili rekuraĝigis, en lokoj sen Delegitoj kaj sen loka organizo oni sukcesis refondi grupon dank' al malnova adreso. El ĉiuj organizitaj Esperantistoj verŝajne nur la triono estas membroj de UEA, sed ĉi tiuj almenaŭ estas facile troveblaj. Ne malprave la eksteraj observantoj de la movado taksas ĝian progreson laŭ la statistiko de ĝia ĉefa asocio. Ĉiu plia aliĝo ĝin iomete supreniriga s.

Plia valoraĵo de la Centra Oficejo estas biblioteko, penplene kaj kun minimumo da enspezoj kunmetita, nuntempe la plej riĉa escepte du aŭ tri privataj kolektoj. Ĝia propaganda valoro montriĝis en formo de grava verko pri la bibliografio de Esperanto kaj provoj de mondlingvoj, el kiuj 400 proksimume estas konataj.

Kiu travidas la bonordigitajn arojn da leterklasiloj, tiu konstatas ofte kun miro kiom multaj leteroj pritraktas temojn ne administrajn. UEA ne propagandas la lingvon, sed despli la movadon. Kie do ĝi povas interesi internacian societon aŭ oficejon al niaj klopodoj, ĝi faras tion; kie ĝi vidas eblecon altiri la atenton ĝi dissendas presaĵojn kaj metas laŭ peto al la dispono de naciaj aŭ fakaj societoj informojn kaj materialon. Estas la honora klopodo de la oficejo, kompreni sian taskon larĝanime por ke la tuta movado profitu je ĝia ekzisto.

*Oficiala gazeto kaj redaktoro.*

*La oficiala gazeto* de UEA: « *Esperanto* » estis donacita al ĝi de sia refondinto kaj posedinto, S-ro H. Hodler. Laŭ la statuto prizorgas ĝin Redaktoro, elektita de la Komitato, « kiu gvidu la gazeton laŭ la ĝisnuna tradicio, tiel ke ĝi enhavu nenion kontraŭ la celoj aŭ interesoj de la Asocio. Escepte tio, la Redaktoro ĝuu en sia laboro plej eblan liberecon. »

Laŭ nuna praktiko, la Redaktoro kaj liaj literaturaj kunlaborantoj redaktas la ĝeneralan parton, dum la oficiala, la anoncoj kaj la administrado estas prizorgataj de la Centra Oficejo.

La diferenco inter la antaŭmilita, junula aĝo de la movado kaj la nuntempa respeguliĝas ankaŭ en la gazeto. Siatempe la ebleco de la temoj estis pli riĉa, ni memorigu nur la multajn artikolojn de S-ro Hodler pri la neceso de praktika uzado kaj organizo, aferoj nun sufiĉe konataj kaj ĉefe efektivigitaj, aŭ liajn kortuŝajn admonojn por pli amikaj rilatoj inter la ŝtatoj, kvazaŭ li estus antaŭvidinta la militon. Parteton el liaj deziroj nun reprezentas Ligo de Nacioj, la resto estas tiom malsimpla kiom multe diferencas nuntempe la opinioj pri ŝtata regado.

Tamen restas la idealo de intergenta frateco, por kies realiĝo batalas per brilaj paroloj kaj artikoloj nia nuna redaktoro.

La agadlinio kaj celoj de « Esperanto » fiksiĝis sen firmaj reguloj, ili evoluis el la praktiko. Nia gazeto simple deziras esti la fidela amiko kaj konsilanto de la agemaj Esperantistoj. El la lingvaj instruoj ili gajnu konojn pri Esperanto kaj tiel pli profundan scion de sia propra lingvo, el la ĝeneralaj artikoloj ĉiuspecajn valorajn informojn pri homa laboro kaj sufero, la oficiala parto montru la movadon ĝeneralan kaj la internan vivon de la asocio. Ĉion kunigu spirito esperantista, grandanima, komprenema. La Zamenhofaj ideoj, kies apostoloj estas ni Samideanoj, pruvu sian valoron en ni mem. Inter la homoj distingiĝu la Esperantisto ne sole per la verda steleto, sed per la larĝeco de liaj pensoj, la profundeco de liaj sentoj kaj per estimo senantaŭjuĝa al ĉiuj popoloj. Pli ol la lingvaj reguloj, malgraŭ ilia boneco ĉiam disputeblaj, tia spiritstato alkondukos la venkon de la movado.

*Voĉdonadoj.*

a.) Kiel dirite antaŭe, la ĉefa esprimilo en UEA estas la *voĉdonado de la Delegitoj*, por elekti la Komitaton ĉiun trian jaron, por fiksi la kotizojn, ŝanĝi la statuton, aŭ pri aliaj aferoj deciditaj de la Komitato aŭ la iniciato de la membroj.

Pri tiu iniciatrajto la statuto fiksas ke 10 membroj rajtas peti de la Direktoro okazigon de voĉdonado de la Delegitoj. Ĉi tiu publikigas la peton en la oficiala gazeto, kaj, se 60 tagojn poste la kvinono de la Delegitoj, postulas voĉdonon, li organizas ĝin. Dank' al tiu iniciatrajto la Delegitoj estas sendependaj de la Komitato, eĉ kontraŭ ĝia volo ili povas decidi pri la gravaj aferoj de la asocio.

b.) Plia esprimilo estas la *voĉdonado de la membroj*, organizita per decido de la Komitato aŭ se la kvinono de ĉiuj membroj ĝin skribe postulis en tempolimo de ses monatoj, kalkulitaj de la unua ĝis lasta subskribo.

Tiu voĉdonado povas ŝanĝi ĉiujn aranĝojn kaj decidojn, eĉ dissolvi la asocion.

La Delegita voĉdonado estas regula, funkcianta aranĝo. Tiu de la membroj, ampleksa kaj multekosta, neniam okazis, ĝi restas al ili kiel la lasta konstitucia armilo okaze de tre gravaj cirkonstancoj.

c.) Malpli formala aranĝo ol la antaŭa estas la ĉiujara *Kongreso de UEA*. En ĝi la Komitato raportas pri la agado kaj ĉiu membro povas laŭplezure kritiki, laŭdi aŭ submeti novajn ideojn. La kongreso aprobas aŭ malaprobas la raportojn, pri proponoj ĝi voĉdonas en formo de deziresprimoj al la Komitato. — Niaj kongresoj do ne estas decidpova instanco, sed konsila, kvazaŭ ordigita popolkunveno. Tiu sistemo havas profitojn unuflanke ke la procedo ne bezonas esti tre severa, sekve permesas la priparolon de multaj diversaĵoj; aliflanke ĝi protektas la asocion kontraŭ tro rapidaj decidoj, akceptitaj sub la influo de lertaj parolantoj. Tiel la membroj havas la garantion ke ne regos en UEA okaza plimulto laŭkongresa, sed la tuto de la Delegitoj, kiuj ricevas presitajn proponojn por trankvila pripenso. La loko kaj tempo de la Kongreso de UEA estas fiksita de la Komitato. Antaŭ la milito nia asocio okazigis propran kongreson, flanke de la universalaj, nuntempe ili estas parto el ili. Tamen montriĝis praktike okazigi flanke de la kunveno oficiala, kunvenon specialan de la Delegitoj kaj aliaj interesuloj por esplori teknikajn problemojn.

*Aliaj aranĝoj.*

Por faciligi la komprenon, ni pritraktis ĝis nun sole la ĉefajn elementojn de UEA: la Membrojn, Delegitojn, Komitaton, Oficejon, Gazeton, kaj la sistemon de voĉdonado.

El diversaj partoj de la statuto ni kunigas ĉi tie kelkajn aliajn, ne administrajn aranĝojn.

*Fakoj* de UEA estas organizita grupiĝo de membroj, kiuj volas plivigligi la rilatojn inter si por esperantistaj, profesiaj aŭ aliaj ne kontraŭstatutaj celoj. La asocio povas doni al ili modestan monsubtenon, malfermi al ili konton, doni lokon en la gazeto, k.t.p. — Jen taŭga plantejo por estontaj specialaj klopodoj, kiun ĝis nun, pro manko da tempo kaj mono, ni ne povis taŭge prilabori. Restas la iniciato al la membroj!

*Entreprenoj* de UEA estas firmoj kiuj publikigas sian nomon en la jarlibro kontraŭ fiksa sumo, kaj ĝuantaj certajn favorojn. — Bona metodo interresigi eksterulojn kaj iom plenigi la kason, sekve bonvolu varbi pliajn kaj aĉeti laŭ eble ĉe tiuj firmoj.

*Specialaj Delegitoj.* Multajn klopodojn ni jam faris favore de plena sistemo de komercaj Delegitoj, sed trabori per Esperanto la murojn de la plenorganizita komerco estas herkulesa laboro. Do, ni havas sindonemulojn en kelkaj gravaj urboj, aliaj sekvos pli poste. — Siatempe UEA havis ankaŭ fakularon por juro, transporto, turismo, k.t.p. Sperto pruvis ke la movado ne estas ankoraŭ sufiĉe granda por tia lukso da specjalaĵoj. Okaze de bezono, la Ĉefdelegitoj kaj la Centra Oficejo donas adresojn.

*Honoraj Reprezentantoj.* Ili estas kvazaŭ honoraj Delegitoj, t.e. personoj en certa socia pozicio kiuj povas helpi la Delegiton por reprezenti UEA ĉe publikaj manifestacioj, por fari vizitojn ĉe oficialuloj, k.t.p. — Kvankam malofte portata en niaj asocio, cilindra ĉapelo povas esti utila instrumento por sukcesi.

*Plendoj.* Pri plendoj inter membroj aŭ kontraŭ oficĥavantoj la statuto fiksas formalan procedon laŭ du ŝtupoj: Direktoro kaj Prezidanto, Prezidanto kaj Komisiono. La rimedoj por restarigi ordon estas: oficiala riproĉo, publikigo de faktoj, eksigo el la asocio. Kontraŭ oficĥavantoj: la tuja haltigo en la ofico kaj la daŭra revoko. Feliĉe tiaj malagrablaj aferoj estas maloftaj, sed se ili okazas la asocio devas protekti sian moralan kaj komercan krediton per korekta, energia procedo. La pli multaj plendoj koncernas trompistojn, kiuj, flarante en nia vasta organizaĵo, facilajn profitojn malbonuzas la konfidon de la Centra Oficejo aŭ de la membroj.

### *Administraj principoj kaj reguloj.*

La unuaj statutoj de UEA enhavis preskaŭ neniujn, kun la sekvo ke reguloj kaj regularoj necesaj por la funkciado elkreskis el la oficejo same kiel hedero ĉirkaŭas kaj fine kaŝas arbotrunkon. Tial la nuna statuto fiksis detalojn tie, kie longa sperto ilin pravigis, kaj por aliaj aferoj ĝi indikis la principojn kies agadspacon plenigu la praktiko. La feliĉa rezulto estas dek jaroj da laboro sub la nuna statuto sen bezono de pliaj aldonoj.

*Oficiala lingvo:* La Zamenhofa lingvo Esperanto. — Kelkaj fojoj ekstaris la problemo pri malakcepto aŭ eksigo de Idistoj aŭ aliaj malsamlingvanoj. Pensinte ke ne estas la tasko de UEA esplori la konsciencojn de siaj membroj, ni lasis trankvile la personojn kiuj ŝajnis private favori aliajn sistemojn aŭ lingvojn, sed malakceptis aŭ petis eksiĝi la personojn kiuj publike propagandis por ili. Same ni pritraktas la tre maloftajn politikajn kazojn; ŝovinisto, kiu daŭre predikas militon kaj malamon, iru promeni ekster nia ĝardeno.

*Oficiala sidejo.* La oficiala sidejo de la asocio estas en Svislando, nuntempe en Ĝenevo. La Komitato rajtas translokigi la sidejon en alian svisan lokon, kio okazis de Majo 1919 ĝis Oktobro 1920: translokiĝo al Bern. — La svisa sidejo ne sole praviĝas pro la deveno kaj evoluo de la asocio, ĝi estas plej taŭga ankaŭ pro la neŭtraleco kaj la geografia situacio de la lando, kiel pro ĝia leĝaro. Ĉiu asocio kun celoj idealaj (do ne komercaj) havanta skribajn statutojn, ĝuas en Svislando la rajtojn de jura personeco, sen devigo al enregistriĝo en societan registron, sen polica kontrolo aŭ aliaj ĉikanoj. La kelkaj prisocietaj artikoloj en la civila kodo fiksas la respondecon de la estraro kaj certajn neforpreneblajn rajtojn de la membroj, ekz. ke transformiĝo de la societa celo ne povas esti altrudata al iu membro. Rilate la urbon de Ĝenevo, la ĉeesto de la Ligo de Nacioj, de la Internacia Laboroficejo kaj de pli ol 50 sekretariejoj de diversaj internaciaj movadoj kreas eblecojn de informado kaj de rilatoj, kiuj kompensas la iom altajn vivkostojn.

*Oficiala jaro.* La administra jaro de UEA iras de 1. Novembro ĝis 31. de Oktobro, konforme al la esperantista laboro, kun la kursoj komence de la vintro kaj la universala kongreso kiel fino. Tiel la Centra Oficejo povas bilanci kaj prepari la novan laboron dum la trankvilaj aŭtunaj monatoj.

*Respondeco.* UEA respondas por siaj reprezentantoj kaj oficistoj nur, se ili agis en la limo de siaj kompetentecoj. Por la servoj kaj negocoj al ili rilantantaj neniu respondeco estas akceptata. La membroj nek estas respondaj por la ŝuldoj de la asocio, nek havas personan rajton je ĝia havaĵo.

*Financoj.* La asocio kalkulas laŭ svisaj frankoj. La kutimajn spezojn administras la Direktoro kun la helpo de centra kasisto. La Asocia Kapitalo, konsistanta je havaĵo el grandaj donacoj, heredaĵoj k.t.p. estas konservata ekster la Centra Oficejo, de administranto elektita de la Komisiono. Nuntempe ĝia rentumo iras regule al la centra kaso, kiel jara subvencio. — Kiel lasta rezervo ekzistas modesta « Garantia Kapitalo », kiu certigas al la Dumvivaj Membroj la daŭrigon de iliaj akiritaj rajtoj. Spekulacioj kun la havaĵo estas malpermesataj. La jaraj kalkuloj de la Centra Kaso estas kontrolataj de fakuloj, submetataj al la Komisiono kaj Komitato, kaj publikigataj en la gazeto.

*Finiĝo de la Asocio.* Decidas pri ĝi la skriba voĉdonado de la membroj, kaj, se tio neplu estas ebla, la Delegitoj aŭ la Komitatanoj. Post pago de la ŝuldoj kaj de la garantiaj atestoj la restanta havaĵo devas esti deponata tri jarojn favore de Esperantistoj kiuj intencus refondi similan societon. Se tio ne okazas, la havaĵo estas donacata al alia internacia asocio kun idealaj celoj, kiun nomigas la decido pri dissolviĝo. — Same kiel prudenta testamento protektas la ekonomian bonfarton de familio, tiel tiu artikolo protektas memstarecon kaj daŭron de la asocio. Ĝia havaĵo estas nek dividebla inter la membroj, nek facile uzebla por nova societo. Se, en tempolimo de tri jaroj, troviĝus nur kelkaj Esperantistoj por refondi UEA sur la sama bazo, la rimedoj irus al ili.

*Servoj.* Pri la granda utilo de la informpetado kaj helpo dum vojaĝo ni jam parolis antaŭe. La ĉefaj reguloj pri ili estas: senpageco por la membroj, kondiĉe ke ili ne necesigas elspezojn, multan tempon, teknikajn konojn aŭ specialajn klopodojn, por kiuj maklerpago estas kutima. La informpetoj estu kompreneble en Esperanto, korekte afrankitaj kaj enhavu la pruvon de membreco kaj respondkuponon. Pro nekontentiga funkciado de la respondkuponoj de la poŝta unuiĝo, UEA eldonis proprajn respondkuponojn, favore akcepitaj de la tuta Esperantistaro, kiuj en si mem formas servon kaj originalan propagandilon. La Delegito devas respondi laŭstatutan informpeton en tempolimo de 7 tagoj, kaj estas responda por la bona funkciado de la servoj en sia loko. — Interŝanĝo de poŝtmarkoj, rondirigo de leteroj aŭ petskriboj kaj similaj aferoj ne estas servo. Interŝanĝistoj trovas facile adresojn en la anoncetoj de la gazeto. — Plendojn pri la servoj ekzamenas la Direktoro. En gravaj kazoj li povas publikigi la nomojn de mallaboremaj Delegitoj, aŭ de membroj kiuj misuzis siajn rajtojn.

Fininte tiun promenon, ni dankas por ilia pacienco al la bonvolaj legantoj ĝis tie sekvintaj kaj esperas ke ili gajnis la impreson pri organizo bone pripensita, kun egalbalancitaj fortoj. Tia ŝajnas almenaŭ esti la konvinko de diversaj aliaj societoj, kiuj parte aŭ preskaŭ tute kopiis nian statuton. Kontraŭ la riproĉo ke ni konstruis tro vaste kaj grande, ni respondas ke por ni Esperanto estas grandega afero kun estonto apenaŭ antaŭvidata. Kiel lingvo ĝi utilas al ĉiu, kiel ideo ĝi estas la natura centro de la multaj movadoj, nuntempe pli konataj kaj riĉaj ol la nia, kiuj por neŭtrala celo volas labori internacie. Tiom longe kiom la homoj pensas per vortoj, la fundamento de internacia agado devas esti internacia lingvo. Kaj multe pli decida ol bonintencitaj klopodoj estas la « nova sento » de nia Majstro. Ne elpensinte ĝin mem, ni Esperantistoj rajtas laŭte voki al la homaro ke tiu sento Zamenhofa estas forto, kapabla plenŝanĝi la moralan aspekton de la mondo.

Esti la modesta servanto de tiu ideo, krei al ĝi la ilojn por funkcii kaj disvastiĝi, jen la celo de UEA. Tion pripensante niaj membroj fortigos en siaj koroj la solidarecon kaj entuziasmon necesajn al la graveco de la tasko. — St.

# Tra la Libraro

*Literaturo. — Lernolibroj. — Fakverkoj. — Aliaj presaĵoj.*

El la teatraĵoj de Ibsen, ni posedis nur la tradukon de Bŭnemann, « La Reaperantoj », duobla kajereto de la bona Internacia Esperanta Biblioteko. Nun aperas multe pli ampleksa verko, du dramoj po kvin aktoj, *Imperiestro kaj Galileano*. Kvankam la norvega verkisto estas mondkonata, ni ŝatus trovi, en enkonduka parto, kelkajn konsiderojn pri lia vivo kaj talento, pri la dramoj tradukitaj kaj ilia graveco. Ili apartenas al la historiaj kaj filozofaj teatraĵoj, preskaŭ ne ludeblaj, pro longo, scenaranĝoj, temsevereco. Ilin verkis Ibsen por elverŝi sian pripensadon ; cetere ofte iom nebulan. Ĉefpersono estas la roma imperiestro ; Juliano la Apostato, kiu vivis de 331 ĝis 363. La dramo rediras sufiĉe precize lian strangan vivon ; liaj familianoj estis kruele mortigitaj ; oni lin edukis kristano, sed li kaŝe ekkonis la grekan paganismon ; li subite montris sin venka militestro en Galio, fariĝis nevole imperiestro, provis rejunigi la kulton de l'dioj kontraŭ la kristanismo, volis rekonstruigi la templon en Jerusalem por mensogigi la profetaĵojn, kaj mortis tre juna dum milito kontraŭ la Persoj. La ĉeftemo estas la interbatalo de du religioj, de kristanismo, kun ĝiaj apostoloj, martiroj, kontraŭ la roma diaro, ĝiaj oratoroj, teologistoj, antaŭdiristoj. La moto povus esti la ekkrio de l'mortanta Juliano : « Vi venkis, Galileano ! » Ŝajnas ke Ibsen, montrante la hezitojn, ŝanĝojn, kredemon, troskribemon de Juliano, fine lian kvazaŭan duonfrenezon, cedas al sia tezo, ĉar la historistoj diras, ke la imperiestro estis saĝulo, tolerema virtulo, taŭga estro kaj administranto, bona verkisto. Sume la du dramoj : « Apostatiĝo de Cezaro », « Imperiestro Juliano », estas impona verko, majesta murpentraĵo, efikanta per sia grandiozo, kaj en kiu ne necesas kritiki nuancon aŭ linion. Oni danku al la tradukinto S-ro H. J. Bulthuis por lia kopio, t.e. la esperantigo, longa laboro, bone plenumita ; en lia traduko cetere ankaŭ ekzistas kelkaj difektetoj ; kaj pri la elekto la Ibsenaj dramoj, oni ankaŭ miras, ĉar aliaj pli proksimiĝus al la nuntempaj ideoj. La dika libro ankaŭ rekomendas sin mem per bela papero, bona preso.

Biografioj de famuloj estas ĉiam interesaj kaj instruaj, despli se temas, ne pri antikvulo, sed pri nuntempano. Tial, tiu de Masaryk, verkita por la 80-a naskiĝtago de l'prezidanto de Ĉekoslovaka respubliko, sub la titolo : *Malriĉa knabo kiu gloriĝis*, estos ŝate akceptata en sia esperanta traduko. Vere unika kaj admirinda estas la vivo de tiu homo, el malriĉa familio, kiu fariĝas profesoro, filozofo, politikulo, kaj ludis dum la mondmilito, kaj post ĝi, tian eminentan rolon. Tia ekzistado kaj altiĝo, tia altruista heroo, honorigas la homaron. Kelkaj pres- kaj lingvo-eraroj ne ĝenas en bone presita, sed nebone broŝurita libro. (Prave en lasta numero de ĉi-tiu gazeto, D-ro Privat konsilas foje disigi kunmetaĵojn ; oni serĉas sencon de devoligi, kredante al : de'vol'igi, dum estas devo'ligi.)

Kvar aŭ kvin komediojn de l'franca klasikulo Molière, oni jam esperantigis ; *La Mizantropo* estas unu el la plej delikataj. Ĉar la teksto estas versa, la traduko estas nefacila. Ĉu celi senpekajn rimojn kaj kripligi la sencon ? Ĉu traduki laŭsence per prozo ? S-ro H. Boucon preferis traduki sufiĉe libere, per regulaj ritmoj, sed senrimaj versoj. Tiel multaj belaĵoj, subtilaĵoj, malaperas, kaj oftaj ŝtopaj silaboj aŭ vortoj necesas ; sed kompense oni ricevas kompreneblan tekston, kies poezia formo ne redonas, sed iel anstataŭas, la harmonion de l'originalo. Tio estas eble la plej taŭga rimedo almenaŭ iom respeguli por alilingvano la brilon de l'franca versaro. Jen unu ekzemplo : Iu priskribas la aman blindecon :

*« L'amanto pasia, kontraŭe, ekzaltas*
*L'amatan virinon kaj en ŝi li vidas*
*Nenion malbelan ; la ŝiaj difektoj*
*Fariĝas negravaj ; eĉ ilin li ŝatas*
*Kaj ilin li nomas per vortoj karesaj :*
*La pala, ŝi estas jen blanka jasmeno*
*La nigra, ŝi estas belega brunino*
*Ŝin, la tro malgrasan, li nomas gracila*
*La grasa, ŝi havas teniĝon majestan*
*Ja eĉ la malpura, ŝi kiu ne logas,*
*Fariĝas belino neniel koketa*
*La granda, giganta, fariĝas diino*
*La eta, nanino, estiĝas resumo*
*Miriga de ĉiuj belaĵoj ĉielaj*
*Ŝi, la malhumila, similas reĝinon,*
*Ŝi, la mensogema, posedas spritecon*
*La stulta, ŝi havas la koron plej bonan*
*La tro babilema, ŝi estas tre gaja,*
*Kaj fine la muta sin gardas pudore.*
*Tiele amanto ekstreme pasia*
*Eĉ ŝatas la mankojn de l'ino amata.»*

Senŝanĝe represita en dua eldono estas la *Verdkata Testamento* de Raymond Schwartz. Oni konas tiujn originalajn versojn, malpezajn, spritajn, kun vortludoj, ĉiam tre lertajn, foje malprudajn aŭ maldecajn, sed amuzegajn kaj vere bonhumorajn. Ĉar rido estas saniga, ĉar ĝi estas propre homa, kiuj ne legis ankoraŭ verkon, tiuj spertu, ke por moki, ŝerci, ridigi, ankaŭ Esperanto taŭgas. Alia originala verko, sed proza, estas *Al Torento*, novelo de Stellan Engholm. Prijunula verko, de juna aŭtoro, laŭ sajno, kun kvalitoj kaj mankoj komunaj al tiaj verkoj. Ĝi estas la historio de juna kampulo, allogata de la urba vivo, kiu ne trovas la celon de l'vivo ĝis amsento, unue malfeliĉa, fine satigas liajn aspirojn. La stilo estas ofte plaĉa, pentra, poezia. Legu ekzemple :

« Ĉasantaj hirundoj tranĉis la aeron sub la serena ĉielo, kaj iliaj movoj estis molaj, kiel revoj de laciĝinto ! »

« La sekalejoj komencis flaviĝi, kaj sub la serena, plentrankvila ĉiela hirundido ekzercadis siajn flugilojn en la lastaj lumfluoj de la subiranta suno. »

Sed ankaŭ enestas kelkaj malplaĉaj, preskaŭ enigmaj frazoj. « Aŭ onies ekstero permesas al oni alparoli knabinojn, danci kun ili, ŝerci, amindumi, — aŭ ĝi ne permesas tion. »

La belaspekta libro meritas atenton.

---

*Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto* kunigas du antaŭe aperintajn, kaj tre ŝatitajn verkojn de Paul Fruictier : liajn « Esperanto sintakso » kaj Esperanta Vortfarado », en kiuj multaj malnovaj samideanoj ĉerpis multon el sia scio. Estis bonega ideo kune reeldoni tiujn elĉerpitajn librojn. La kompilinto, S-ro Grenkamp-Kornfeld, aldonis kelkajn ĉapitrojn pri : Fonetiko, Interpunkcio kaj Versfarado. Aldone estas represitaj la studoj de Akademiano Lippmann pri « Refleksiva pronomo » kaj « Adjektivo atributa kaj predikateca ». Tiel, en bone ordigita volumo, estas kompleta lingva regularo, praktika kaj fidinda. Cetere prave la teksto de Fruictier restis preskaŭ sama ; la faritaj alĝustigoj, simpligoj kaj kompletigoj estas taŭgaj. (Sed ĉu « iv » estas sufikso pli uzata, pli uzenda, ol « oz », « iz », « atr », k.c.). La malmulteco de ŝanĝoj pruvas la bonecon de l'unuaj verkoj. Oni estus povinta represi ilin tute senŝange, kiel dokumento ankoraŭ tre valora. Ankaŭ plena reverko, laŭ nuna stato de nia lingvo, kun uzo de ĉiuj postaj studoj, estis eblaĵo. La kompilinto plilimigis sian taskon. Tiel la kompleta gramatiko restas vere, « frukto » de Fruictier, al kiu aldonis iom da « salo » S-ro Salo Grenkamp.

S-ro Alfred Dormans, unue prezentas sian portreton al ĉies admirado ; poste, profitante sian sperton kiel kursestro per radio, li prave pensis, ke lernantoj ŝatus havi : 1e studon pri la demandoj ligataj al Esperanto, 2e instruan parton en 32 lecionoj, 3e laŭteme ordigitan gramatikon, 4e legotekstojn, kaj 5e duoblan vortareton, ĉion tion en unu sola volumo. Tial li pretigis por germanlingvanoj sian : *Handbuch des Esperanto*, kiu per taŭga aranĝo, sufiĉa pleneco, komprenebla klarigaro, konvenas ĉu por memlernado, ĉu por radioinstruo, ĉu por ordinaraj kursoj, kaj efektive respondas la intencon kaj promeson de l'verkinto.

Por angloparolantoj, S-ro A. Kenngott eldonis : *An Esperanto Course* ; li volis facilan, interesan lernolibron por komencantoj, verkitan laŭ pedagogia vidpunkto, kion ebligis liaj spertoj multjaraj kiel fakulo en lingvoinstruo. La 18 lecionoj konsistas el gramatikaĵoj, teksto, vortoj, ekzercoj, ĉefe interparolado kaj demandaro. Duobla vortareto kompletigas nete presitan, tolbinditan libron, per kiu, agrable kaj rapide, la lernanto vojiros la praktikan uzon de sia nova scio.

S-ro Bernard Long, en studo : *Esperanto its aims and claims*, argumentas pri la lingvoproblemo kaj ĝia solvo. Li lerte prezentas la neceson de helplingvo, ĝian eblecon, kelkajn provojn, la devenon kaj disvastiĝon de Esperanto, ĝiajn regulojn, ĝian utilon por la socio, la scienco, la komerco, la edukado, la literaturo. Taŭga varbilo aŭ konvinkilo por anglolingvanoj.

La vortaro de Esperanto, *Esperanta-Bulgara kaj Bulgara-Esperanta*, de S-ro Krestanov, aperas en 3a pligrandigita eldono, (6-10a miloj) ; bona signo pri la bezono kaj boneco de l'verko. Faktoj, ke ĝi estas aprobita de la Ministerio de Publika Instruado, kaj ke por ĝi verkis antaŭparolon D-ro St. Mladenov, profesoro de kompara lingvistiko ĉe la Sofia Universitato, pruvas ankaŭ, ke la oficialaj kaj kleraj rondoj tie ne ignoras movadon, kiu al ilia nacio kaj literaturo alportas utilan diskonigan rimedon. La 300 paĝan vortaron, oni ja dezirus ankoraŭ pli ampleksa kaj pli plena ; nevenkeblaj malhelpoj tion ne permesis ; en sia nuna formo, ĝi certe utile servos la bulgaran esperantistaron.

Ankaŭ novan 7an eldonon (31-40 miloj), atingas la *Kursa Lernolibro* de D-ro Ed. Privat ; ĝiaj specialaj propraĵoj estas bone gradigita enhavo, mallongaj vortlistoj, interesaj tekstoj kaj ĉefe instruado por konversacio. Pro ĝia malkareco, pro ĝia enhavo nur esperanta, la libreto estas uzebla en ĉiu medio, en ĉiuj landoj ; tiel ĝi enkaŭ efikas al internacia unuecigo de stilo ĉe la lernantaro.

Moraviaj Esperanto-Pioniroj, kiuj publikigis la libron pri Masaryk, ankaŭ estas la eldonintoj de *Internaciaj Konvencioj pri fervoja trafiko*. Tiu libro, litografa represo de maŝinskribita teksto, donas la du novajn regularojn pri internacia fervoja trafiko kaj iliajn aldonojn. La celo de la tradukinto, J. Rebiĉek, estas, ke alilingvanoj komparu lian tradukon kun la oficialaj originaloj, franca, germana kaj itala, aŭ kun alilingvaj tradukoj, kaj komuniku al li siajn kritikojn, por, el tiu kunlaborado, kompili komercfakan fervojan terminaron. Tiu lasta servos por traduki estontajn konvenciojn je uzebla formo. Diversnaciaj fakuloj helpu do la iniciatinton en lia utila klopodo.

En la broŝuro : *Sennaciismo kaj Internaciismo*, la aŭtoroj, B. Ejdelmann kaj N. Nekrasof volas bone difini ambaŭ vortojn kaj ĉefe refuti asertojn de S-ro Lanti en lia libro : « La laborista esperantismo ». « Aprobante la imperialistan perforton de la naciemaj kapitalistoj en la kolonioj, malagnos kante la necesecon de sendependiĝo de l'malgrandaj nacioj por malfortigo de la klasmalamiko de la proletaro, limigante la klasbatalon de la proletaro ĝis malgrava strikemo de la laboristoj en la metiejoj nur, K-do Lanti faras fatalan politikan eraron, pro kiu la sennaciismo, anstataŭ esti proleta, fariĝas malamika al la proletaro ». Tiu elĉerpita frazo resumas la rezonadon de tiu polemika verketo ; en la disputon ni kompreneble ne enmiksiĝas.

Brita Esperanto-Asocio reeldonis por 1930 sian : *The Esperantist Diary*, luksa poŝformata jarlibreto kun informoj kaj notpaĝoj. Atentinda estas artikolo pri la literaturo de Esperanto kun sperta kaj nuntempa rigardo.

*Neue Wege für die Verkehrswerbung*, atentigas vorte, en germana lingvo, kaj bilde, per niaj multaj belaj gvidlibroj kaj gvidfolioj, kaj rekomendas tiun internacian rimedon por reklamo per Esperanto.

En Stockholm okazos baldaŭ ekspozicio por sveda artkaj hejma industrio. Bela prospekto, kun multaj ilustraĵoj pri la urbo kaj la ekspozicio, invitas al vizito.

*Mallongaj informoj pri Esperanto*, de E. Sazonova, estas ruslingva propagandilo, eldonaĵo de Centra Komitato de Sovetrespublikana Esperantista Unio (CK — SEV) kun speciala konsidero al la enlanda kaj sennacieca esperanta movado.

14 Majo 1930. G. S.

---

# La vortaro Wüster

Malpacience la amikoj de l'granda vortaro, esp.-germana de Eugen Wüster atendas la aperon de pliaj volumoj. Antaŭ kelkaj semajnoj ni ricevis la kvaran volumon, anoncita sub 1930-17 de l' Bibliografia Servo. Malpacienculoj trankviliĝu ! La nuna volumo, paĝo 415 ĝis 576 inde aliĝas al la tri antaŭaj. Ĉu paroli pri klara presado, taŭga aranĝo ? La firmo Hirt en Leipzig jam havas tian bonfamon pro ĝiaj unuaklasaj eldonaĵoj, ke plia laŭdo nenion aldonus. Per la kvara volumo la vortara ĉeno atingis literon K ĝis

vorto korno. Kritiki tian laboron estus senutila faro, ĉar mankas la ebleco. « Wüstero » estas la unua enciklopedia vortaro en Esperanto ; ĝi restos unua kaj unika por longa, longa tempo.

Vortar-uzanto ĉiam konstatas kiom fluanta estas nia vortmaterialo. Prilaborante teknikan tekston ĉiam oni devas serĉi, kompari kaj provi. Tiun mankon forigos la « Wüstero » kaj jam nun ĝi estas profite konsultata de la praktike laborantaj. Apud la kutima vortkolekto ni trovas entekste klarigojn de l'principo kiun sekvis la kompilinto. Ekzemple :

**-it-**, substantivisches chem. Suffix zur Bez. der Salze, in denen weniger Sauerstoff gebunden ist, als in den *...atoj* u. *per...atoj*, u. zwar gewöhnl. nach dem Säurebildner (d. i. meist e. Nichtmetall): -it; *klor~o*, Chlorit, chlorigsaures Salz, insbes. Metall ($MClO_2$).
**...~a acido**, ...ige Säure: bez. die aus dem betreffenden *...~o* entstehende Säure (d. „Wasserstoffsalz", s. *acido); klor~a acido*, chlorige Säure ($HClO_2$).
**hipo...~o**, Hypo...it: bez. d. Salze mit noch weniger Sauerstoff als d. *...~oj; hipoklor~o*, Hypochlorit, unterchlorigsaures Salz, insbes. Metall ($MClO$).

**-iv-**, nur vereinzelt (u. dann nur in der Fachsprache) gebrauchtes, mit *-(i)pova* (Teilbegr. *-igebl-)* gleichbedeutendes Suffix zur Bez. der Fähigkeit etw. zu tun: -fähig, -iv; ~ entspricht als aktives Gegenstück dem passiven *-ebl-* und kann bes. nach transitiven Zeitwörtern oft einfach fortfallen; *produkt~a* = *(mult)produkta*, leistungsfähig, produktiv; ~ setzt wie *-ebl-* stets das Vorangehen des Tätigk.-Begr. voraus; das in dieser Hinsicht über *-ebl-* Gesagte gilt daher a. hier: *ferment~a* (mit *ferment-* als Substantivstamm) = *fermentipova*, gärfähig.
**...~o, ...~eco**, -fähigkeit, -ivität.

Vastan lokon okupas la vortoj el botaniko, Fiziko, geografio, kemio, matematiko, zoologio, kaj aro da aliaj disciplinoj. Iuj vortoj estas tre riĉe dokumentitaj, ekzemple *kalk'o*, kiu okupas tutan kolonon kun pli ol 50 kombinaĵoj. La radiko *kalkul'* okupas 2 ½ paĝon kun arego da bone elektitaj modeloj. Kaj tiel plu ; citi ĉiujn interesajn detalojn estas neeble.

Ankaŭ la Esp. movado mem estas tre bone dokumentita. Sub « *komitato, kongreso* » troviĝas klaraj vojmontriloj pri la komitatoj kaj kongresoj de nia movado.

Ĉu estas eraroj ? Ni kuraĝas diri ke « ne ». Kiel eraro ni opinias ne simplan preseraron, kian cetere ni ne renkontis, detale esplorinte la volumon. Eble... Ĵus ni volis ion rimarki pri manko ! Ne « Wüster'o » ne mankas ! Temas pri vortoj kun litero H aŭ K. aŭ Ĥ. Oni trovas ilin sub ambaŭ : Ekzemple *Cheiranthus cheiri* (Goldlack, Gelbveigelein, Giroflée) estas bone citata sub Keiranto kaj Ĥejranto. Salutinda ja estas la formo *keiranto* pli taŭga ol la alia.

Per la kvara kajero (libro !) finas la unua volumo de la granda vortaro, nome ĉe litero J. La eldonejo zorgis pri inda kaj sobra kovrilo malhelverda kaj agrabla por la okulo. Kiam ni vidos la lastan volumon ? Mezurante la kvanton da materialo prezentita, la zorgo donita por ĉiu unuopa esprimo ni ne miru pri la tempo bezonata. Ni mem, karaj legantoj posedas eblecon rapidigi la daŭrigon de tiu ĉi kolosa laboro. Aŭtoro kiel eldonejo metis grandan fidon en ni, riskante eldoni tian enciklopedian vortaron. Vi trovas la prezon iom alta ? Serioza laboro kostas kaj la nerapida vendo signifas kapitalo dum jaroj neuzebla. Kompare kun ne-esp. vortaroj « Wüster'o » ne estas pli multekosta. Eĉ negerman-lingvanoj profite uzas tiun enciklopedion, fundamenta ŝtono de nia vorttrezoro. Respekton al Eugen Wüster, dankon al la kunhelpantoj kaj gratulon al firmo Hirt.

H. J.

## LINGVAJ STUDOJ

# Ni petas tradukon.

Ni ricevis la jenan leteron de bona esperantisto :

« Kiam ĝuste mi finis privatan leteron al direktoro de ŝtata muzeo por artmetioj, la poŝtisto alportas ĉarman varbilon por artmetia ekspozicio en Stockholm, 1930. Kia bonŝanco ! Per movo natura al propagandema esperantisto mi volas ŝovi la varbilon en la koverton por la artmetia direktoro, rapide relegas ĝian tekston, hezitas, miregas : « Sveda artindustrio, artmetio kaj hejma slojdo. » Slojdo ? ?

Ŝajnas al mi dece, ke tekston sendotan al fremda persono oni komprenu unue mem, tial mi kuras al miaj vortaroj. Sed tri vortaroj el la esperanta al la germana, franca kaj angla lingvoj silentas ; en la fundamento de Zamenhof la radiko : « Slojd » brilas per neekzisto ; do mi alvokas la helpon de Boirac, de Verax, de Kabe — ankaŭ ili scias nenion. Senespere mi foliumas la maristan terminaron, tiun por la fabrikantoj de pluvombreloj, la gvidilon de la internacia vojaĝisto. Eĉ malaperas la lasta ebleco : Neniu birdo de amiko Stojan respondas al tiu nomo. Kaj vortaron por fiŝoj mi ne posedas. Anstataŭ iri al la muzea direktoro, kiun certe ĝi estus interesinta, tiu malfeliĉa varbilo nun flugetas al vi, estimata Sinjoro Redaktoro.

Ĉu el la profundo de via scio vi povus klarigi al la malfeliĉaj Esperantistoj, kiuj nur posedas dek vortarojn anstataŭ la dudek laŭŝajne nuntempe necesajn, kio estas la bela vorto Slojdo, de kio ĝi devenas, kian (certe gravegan) mankon en nia vorttrezoro ĝi plenigas ?

Se la vorto estas sveda, ĉu vi ankaŭ opinias ke la svedoj estus agintaj prudente klarigi landan specialaĵon en lingvo eksterlande komprenebla ? Kaj ĉu vi ne pensas, ke ĝuste la verkantoj de reklamiloj kaj anonciloj havus intereson kontentiĝi je la riĉa radikaro de niaj bonstilaj verkoj, rezervante sian vortkrean imagon al hejma uzado ?

Konsilante memdisciplinon ni ne volas malutili al la eldonistoj de novaj vortaroj, al kiuj ni deziras bonan vendon. Tamen eĉ ili ne profitos daŭre, se la esperanta lingvo fariĝos tiom « laŭtempa », ke, por kompreni ĝin, oni devos reaĉeti vortarojn laŭ la sezono, kiel virinajn ĉapelojn. Tia modo povus konduki al senĉapeleco ».

Soto.

*Noto de la Red.* — Laŭ nia vojaĝmemoro tiu vorto slojdo rilatas al hejma teksaĵo, sed ni tute konsentas, ke niaj bonaj svedaj samideanoj devus klarigi la vorton prefere ol ĝin uzi surprize. Unu aferon ni povas almenaŭ profeti : Tio estas ke la vorto « slojdo » nepre aperos en la mirinda kompleta Enciklopedia Vortaro de S-ro Wüster, kies kvara parto aperis.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# MOND-VOJAĜO POR ESPERANTO

Organizita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Ĝenevo.

### Joseph R. SCHERER - Los Angeles (Kalifornio)

**Speciala delegito de la I.C.K.**

Rekomendita de la Komerca Ĉambro, kaj de l'Havena Komisiono de Los Angeles kaj de la Amerika Instituto de Bank-Scienco, Sekcio de la Bankista Asocio de U.Ŝ.A.



*ekvojaĝos en Septembro 1930 por alporti la propagandan helpon de la I.C.K., la gvida centro de la Esperanto-Movado, al la tutmonda samideanaro.*

*La propagando-paroladoj kaj vizitoj de S-ro Joseph R. Scherer estas de vi jam de longe sopirata ekstera kaj interna subteno de via laboro.*

S-ro Scherer ne estas simpla glob-trotulo, sed bone ekipita kaj science preparita propaganda vojaĝisto. Kiel persono en bona profesa pozicio, usonano de svisa deveno, societe edukita kaj sperta afer-traktanto, li estas bonvena tiel por publikaj paroladoj en Esperanto (aŭ en nacia lingvo), kiel por vizitoj al redakcioj, societoj, administracioj kaj aŭtoritatoj. S-ro Scherer paroladas elegante en Esperanto. Li estas lerta parolisto en angla, germana kaj francaj lingvoj. Li ankaŭ parolas flue itale. Li elektas por siaj paroladoj lumbildojn el sia speciala kolekto, ampleksanta 12.000 bildojn. Dum sia nuna vojaĝo li ĉiufoje faras novajn bildojn por uzo dum la posta vojaĝ-parto. S-ro Scherer estas aktiva esperantisto de multaj jaroj, delegito de UEA, grupa prezidanto, ŝtate komisiita kaj de la urbo pagita esperanto-instruisto en la Politeknika Alt-Lernejo de Los-Angeles.

Li estas tre lerta kaj sukcesa ĵurnalisto kaj aparte konata kiel raportanto de « Heroldo de Esperanto ». Profesie li estas sekcia ĉefo de la granda Seabord National Bank en Los Angeles.

Jen estas la proksimuma vojaĝo-plano de S-ro Scherer. Li foriros de Los Angeles (Kalifornio) en Septembro 1930 kaj alvenos en Sud-Eŭropo en printempo 1931. La fina aranĝo dependos de la nombro de parolado-postuloj el ĉiuj landoj, vizitataj aŭ viziteblaj de li.

Se vi volas esti certa, ke la paroladisto vizitu vian urbon, sendu vian inviton tuj kaj demandu detalojn pri kondiĉoj de aranĝo, kostoj, k.t.p.

### PROKSIMUMAJ DATOJ DE LA MONDVOJAĜO

*1a parto*

| Urbo : | Alveno : | Forveturo : |
|---|---|---|
| Los Angeles | — | 15 septembro 1930 |
| San Francisco | 16 septembro. | 18 septembro. |
| Honolulu (Havajo) | 24 septembro. | 25 septembro. |
| Yokohama | 5 Oktobro. | — |
| Nagasaki | — | 10 novembro. |
| Shanghai | 11 novembro. | — |
| Hong-Kong | — | 25 novembro. |
| Saigon | 29 novembro. | 3 decembro. |
| Ankor-Ruinoj | 4 decembro. | 9 decembro. |
| Bangkok | 10 decembro. | 15 decembro. |
| Singapore | 19 decembro. | 20 decembro. |
| Soerabaia | 24 decembro. | 25 decembro. |
| Bali (insulo) | 26 decembro. | 11 januaro 1931. |
| Soerabaia | 12 januaro. | 13 januaro. |
| Batavia | 20 januaro. | 20 januaro. |
| Singapore | 22 januaro. | 22 januaro. |
| Penang | 24 januaro. | 24 januaro. |
| Rangoon | 27 januaro. | 27 januaro. |
| Calcutta | 28 januaro. | 2 februaro. |
| Darjeeling | 3 februaro. | 4 februaro. |
| Benares, Agra, Delhi | — | — |
| Bombay | 15 februaro. | 22 februaro. |
| Madras | 25 februaro. | 28 februaro. |
| Colombo | 1 marto. | 3 marto. |
| Aden | 9 marto. | |

*2a parto.*

| | |
|---|---|
| Egipto | 15 marto 1931. |
| Palestino | 1 aprilo. |
| Istanbul | 15 aprilo. |
| Athenai | 25 aprilo. |
| Palermo-Messina | 5 majo. |
| Tunis | 15 majo. |
| Napoli | 1 junio. |
| Roma-Firenze | 10 junio |
| Venezia | 30 junio. |
| Lugano-Como | 8 julio. |
| Svislando | dum julio. |
| Kraków | dum aŭgusto. |

*La datoj por Eŭropo estos fiksataj poste. Pliaj vizitoj dependos de ricevataj invitoj. Skribu tuj!*

## LISTO DE PAROLADOJ

a) **Publikaj propagando-paroladoj en Esperanto kun traduko en nacian lingvon kaj lumbildoj el elekto de 12.000 fotoj, kontraŭ honorario.**

### 1a Serio

1. *Los Angeles, la Centro de la Paradizo.* Kial iri en la ĉielon ,kiam vi povas resti en la Paradizo? diras la enloĝantoj de la lando, kie la suno brilas dum 350 tagoj de la jaro, kie oranĝoj, citronoj kaj daktiloj maturiĝas apud neĝokovritaj montegoj, kie vi vintro-sportas je la sama tago, je kiu vi povas naĝi en la glora Pacifika oceano. 500.000 turistoj migras ĉiujare al tiu Edeno, la lando de l'film-metropolo, de l'petrolo, de la natur-mirindaĵoj.

2. *Hollywood, la Film-Paradizo.* Centmiloj da virinoj sopiras je la nura penso pri ĉi tiu nomo. La koro de miloj da viroj batas pli rapide ĉe la ekaŭdo de tiu ĉi magia vorto. Vi aŭdos pri la film-belulinoj, iliaj sukcesoj kaj suferoj, pri la dancvespermanĝoj kun filmsteloj k.t.p., k.t.p.

3. *Suda Kalifornio kaj ĝia industria kaj komerca evoluo.* Antaŭ 50 jaroj dezerto, antaŭ 20 jaroj nur turista paradizo, hodiaŭ la plej grava industria centro okcidente de Chicago. 5.000 fabrikoj, 200.000.000 Dol. da salajro al 100.000 laboristoj. Produktado por 1.500.000.000 dolaroj.

4. *Suda Kalifornio kun sia fenomena agrikulturo.* Iam dezerto, hodiaŭ la plej fruktodona teritorio de tuta Usono. Aparte interesa parolado por ekonomiistoj k.t.p.

5. *Arizona, la teritorio de la ruĝhaŭtuloj, la Grand-Kanjono kaj aliaj misteroj.* Vi partoprenos en bildoj danĝerajn vojaĝojn kaj ekskurson. Vi vidos, kie loĝas nun la ruĝhaŭtuloj, kiel ili festas, dancas kaj kiom ili akceptis la civilizacion de la blankuloj. La pasinta epoko de kelkaj centoj da jaroj aŭ pli preterpasos viajn okulojn.

6. *Tra U. S. A. en aŭtomobilo.* Vidu kiel milionoj da Usonanoj libertempas ĉiujare. Distancoj ne-imageblaj. Bildoj de New-York, Niagara-faloj, Detroit, Chicago, St. Louis, Texas, minejoj, dezertoj, valegoj, riveregoj, indianaj rezervacioj, k.t.p.

7. *La Misteroj de la Morta Valo.* Kiu ne aŭdis pri tiu tragedia dezerto, la vera tombejo de pioniroj kaj aventuristoj. Veturu kun la paroladisto al tiu mistera parto de l'mondo.

8. *La Pacifika Oceano de Meksiko ĝis Kanado.* Aŭtomobila vojaĝo de 6.000 km; duone la distanco de la ekvatoro al la polusoj. Romantika travivado, San Francisco kun sia ĉina kvartalo, Portland, Seattle; vulkanoj aktivaj kaj estingiĝintaj, kraterlagoj, gigantarboj 2.000-jaraj, naciaj parkoj, naturmirindaĵoj k.t.p., k.t.p.

9. *Mirinda Svislando.* Vi vidos la montaran landon kun siaj glaciejoj, kun la riĉega floraro, urboj, belegaj lagoj kaj riveroj, domoj kaj kostumoj, montfervojoj, hoteloj, muziko, turista vivo, la paŝtejoj kun kaproj, bovinoj, jodlantaj alpo-loĝantoj, k. s.

10. *Ĉu Angla lingvo komprenata internacie?* Ŝipoj iras ĉirkaŭ la tuta mondo, sed nur ĝis la havenoj. Ili ne povas iri ĝis la koro de la lando. Ili vidas neniam enlandan vivon. La havenoj estas ĉiam internaciaj kaj kosmopolitaj. Nur per Esperanto vi estas tuj amiko de ĉiu enlanda samideano. Se vi veturos per Esperanto vi vidos dekoble pli multe de la mondo.

### 2a Serio

*Paroladoj aranĝataj tuj post la vizito de la respektivaj landoj, kun novaj bildoj:* Miaj tagoj en Japanujo — Bildoj el Hinujo — Aventuroj sur la Sudmar-insuloj — Singapure la akso de la orienta mondtrafiko — Kun la kamero de Kalkutta ĝis Bombay — Benares kaj la Ganges — Piramidoj kaj Minaretoj — Vidaĵoj de la dorso de kamelo — Jerusalemo de hodiaŭ — Fervoje de Palestino al Istanbulo — Sukcesoj de l'nova Turkujo — Promenado de Maratono al Ateno — La Vesuvo kaj ĝiaj viktimoj — Tuniso kaj ĝiaj karavanoj — Vidi Napoli kaj morti — Romo kaj la Vatikan-Urbo — Miaj tagoj en Florenco kaj Venezio — k.t.p., k.t.p.

b) **Puraj pri-esperanto-paroladoj, sole por grupoj, societoj k.t.p., kiuj organizas publikan manifestacion laŭ la kategorio a). La paroladoj b) okazas senpage.**

1. Kiamaniere organizi nian propagandon?
2. Metodoj de praktika esperanto-propagandisto.
3. Kiel ĉerpi sugestojn kaj ideojn por nia propagando?
4. Organizo de Esperanto-klasoj kaj la uzo de la rekta (paroliga) metodo de instruado. Spertoj el Usono. — (Dum sufiĉe longa restado S-ro Scherer eventuale organizos kurson laŭ la rekta metodo).
5. Esperanto kiel traduka lingvo en internaciaj kongresoj kaj konferencoj — Apliko, vojoj, preparado k.t.p.
6. Rilatoj inter la por- kaj la per-esperanta laboro. Kiel profitigi la movadon kaj vin mem el ĉiu laboro?
7. Esperanto bonega, sed uzota instrumento!
8. Nia internacia organizo: Neceseco de konstanta internacia rilataro. Unu helpas la alian, interrompo signifas halto, reiro.

**Kiel organizi paroladojn de S-ro Joseph R. Scherer?**

Estas organizataj du kategorioj da paroladoj:

a) *kontraŭ honorario*
por esperanto-paroladoj en Esperanto kun lumbildoj kaj nacilingva tradukado. La honorario estas nur parta kompenso de propraj elspezoj, restado, materialo, aparat-uzo. *S-ro Scherer uzas propran projekcian aparaton.* La kostoj estas meze proksimume 10 us. dolaroj, po parolado.

b) *senpage*
puraj pri esperanto-paroladoj nur por grupoj, societoj k.t.p. kiuj organizas publikan manifestacion laŭ la kategorio a).

Interesa parolado precipe kun lumbildoj de eksterlandano ĉiam altiras la publikon. Post elekto de unu aŭ kelkaj paroladoj oni povas nacilingve disvastigi la necesan reklamon per la gazetaro, individuaj invitiloj, flugfolioj, prospektoj k.t.p. dissendataj amase.

*Organizo de parolado(j)* devas esti farata sur larĝa bazo. Estas facile ke influhava samideano atingu aranĝon kune kun alia interesita aŭ interesigebla grupiĝo, ekzemple de fotografa societo, geografia klubo, turista rondo, komerca lernejo, universitata klubo, instruista societo, virina grupo, fak-unuiĝoj k.t.p. En pli grandaj urboj la Komerca Ĉambro, Rotario-Klubo, Turisma Komitato a.s. institucioj estas ĉiam interesitaj pri partopreno. Ili volonte donos sian protekton kaj ofte plezure disponigas senpage ejon kaj alian utilan helpon. En eksterlandaj kluboj svisaj, germanaj, francaj aŭ usonaj facile ankaŭ povas esti organizata parolado nacilingva. Oni notu bone, ke en ĉiu kazo la paroladoj estas utile montrataj kiel aranĝo praktika, ne nure esperanta. Nia speciala delegito adaptas sin al ĉiu situacio. Lasu al li la solvon, kiamaniere kapti la aŭdantaron por Esperanto. Kiam vi kunlaboros kun alia korporacio montru konstante, ke vi estas la donanto, ĝi vere la ricevanto de praktika kaj spirita utilo. Tio neniel malhelpas, ke vi men profitu el ĝia favoro.

Preparu ĉion tuj rilatante kun via nacia societo, ligo, distrikto aŭ teritoria organizo aŭ najbara grupo. Ne perdu tempon! Prezentiĝas al vi okazo de tre malofta ebla publika propagando, kiun vi devas nepre utiligi.

Se vi aranĝos la parolado(j)n kun grava societo aŭ konata institucio, tio donos pli grandan prestiĝon al la afero. Ne timu la klopodojn, nek la malaltajn kostojn. Per malgranda enir-pago vi kovros ĉion. Se vi lerte organizos la aferon, vi povos eĉ ankoraŭ profiti finance.

Vojaĝoj al aliaj landoj en Eŭropo laŭ plano fiksata poste, konforme al invitoj ricevitaj. Detaloj estos publikigataj en « Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto » krom tio sendataj de la I.C.K. rekte al eventualaj invitintoj.

Represoj de la bildo de S-ro Scherer kaj de la voj-iro sur bona papero, por reprodukto, estas haveblaj de la sekretariejo de la I.C.K. La bildoj estas taŭgaj por kliŝiġo.

Sendu tuj vian inviton laŭ la jena adreso:

Por Malproksima Oriento:

S-ro Joseph R. SCHERER, p. adr. Japana Esperanto Instituto Uŝigomeku, Ŝin. Ogaŭa-maĉi III-15 Tokio.

Por cetera Azio, Afriko kaj Eŭropo al:

*Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.*

1, Tour de l'Ile, Genève (Svislando).

## La 21-a Brita Esperanto-Kongreso

(Nottingham, Pentekosto 1930.)

Pli ol du cent anoj partoprenis en belega vetero la 21-an Britan Kongreson de Esperanto en la ĉarma mezlanda urbo Nottingham. Internacian karakteron la festo ricevis per ĉeesto de anoj el pluraj landoj, inter ili danaj gesamideanoj, kaj aparte per ĉeesto de nia kara pioniro, D-ro Privat el Ĝenevo. Ĉe publika propaganda kunveno dum la sabata vespero D-ro Privat faris elokventan paroladon en angla lingvo, kaj subtenis lin la prezidanto de la kongreso, S-ro Merchant, kaj Prof. Collinson el Liverpool, vicprez. de la Univ. Kongreso en Oxford.

Laborkunsido aprobis la ideon de komuna kotizo kun UEA. Decidos referendumo. Dimanĉon okazis diversaj ekskursoj al lokaj vidindaĵoj, inkluzive la malnova kastelo de Nottingham, kaj komuna lunĉo en Hotelo Welbeck, ĉe kiu S-ro B.E. Long, la prezidanto de la Univ. Kongreso en Oxford, raportis pri la plej lastaj aranĝoj faritaj por ĝi.

La diservo okazis en la tre malnova civita preĝejo S-ta Mario, kun elokventa prediko de S-ro Merchant.

Lundon oni faris ekskurson tra la tre bela kamparo al Matlock, lunĉis tie kaj revenis ĝustatempe por la kongresa balo, kiu okazis en Hotelo Welbeck. Inter la multaj ĝuindaj koncertoj kaj kunvenoj estu citata la prezento de la fama Esperanto parolfilmo de Paramount (en la loka kino), kiu donis plezuron al multaj dum la sabato.

Oni ŝuldas multan dankon al la lokaj organizintoj de la kongreso pro perfektaj aranĝoj, kaj ĉiuj disiĝis tre feliĉaj, dirante: « Ĝis revido en Oxford! » K.R.C. Sturmer.



# Jarkunveno

## de la Esperanto-Asocio de Finnlando

La 23-a jarkongreso de la Esperanto-Asocio de Finnlando okazis dum pasko Post kantado de himno, prezidanto de la asocio, staciestro H. Salokannel faris mallongan paroladon pri la nuna disvastiĝo de Esperanto en la mondo. Al la estraro de la asocio estis elektataj: kiel prezid. S-ro H. Salokannel kaj aliaj estraranoj S-ro S. Hautamäki, Vaasa, telegrafisto T.A. Lindberg, Urjala, instruistino Elmi Tamminen, Helsinki, S-ro Karl Aberg, Helsinki, pastro Leo Rautanen, Kuopio, fervoja oficisto E. Tenhunen kaj lektoro Helmi Vahlqvist, Sortava, instr. Ida Sairanen, Savonlinna, studentino Maikki Romppanen kaj S-ro T. Auer, Viipuri. Kiel reviziontoj estis elektataj instr. I. Ahonen, Seinäjoki kaj instr. Alpo Suomalainen, Konnitsa, vice S-roj Sovijärvi kaj Honkavaara. La jaraj kotizoj estos: por izolaj anoj 20 kaj por la anoj de la subsocietoj 5 mk. pojare. Viglan diskuton estigis la revivigo de la movado en Finnlando. La Asocio kaj la Instituto jam interkonsiliĝis pri invito de fremdlanda kursgvidanto kaj oni havas bonan esperon, ke F-ino Weinstein el Polujo aŭ iu alia, prefere pastro Ĉe el Rumanujo, povu veturi ĉi-tien por kelkaj monatoj. Malnova amiko de nia lingvo jam promesis monan helpon.

La kongreso bele finiĝis per agrabla vesperfesteto, en kiu magistro V. Setälä faris finnlingvan kaj Esperantan paroladojn. Oni prezentis kelkajn interesajn filmojn, deklamis, kantis kaj legis la salutan telegramon de S-ro Paul Nylén el Svedujo.

*Esperanto-Societo de finnaj fervojistoj* okazigis sian 7-an jarkunvenon en la sama ejo kiel la unuenomita asocio. Kiel prezidanton oni elektis staciestron H. Salokannel, sekretarion T.A. Lindberg, Urjala, lin samtempe kiel kasiston, kaj S-rojn Hj. Lillqvist, Helsinki, staciestron S. Veijola, Perälä kaj libroteniston B. Honkavaara, Siitama.

## Franca nacia kongreso

Dum Pasko ĉe Le Havre okazis la franca nacia Kongreso kaj gravan sukceson havis. Ĉeestis tie 58 francaj kongresanoj ankaŭ dek britaj kaj du germanaj esperantistoj. 18an Aprilo ĉe la akceptejo, nia ĝenerala Sekretario Bosc akceptis la plimulton de la ĉeestantoj. Kelkaj esperantistoj kun la britaj kaj germanaj samideanoj vizitis la urbon kiuj estas gviditaj de S-ro Gasse, Delegito de U.E.A. Vespere, okazis kunveno kie S-ro Dubuisson, Prez. de la organiza Komitato kaj Vic-Delegito de U.E.A. bondeziris la kongresanojn kiuj venis el Limoges, Tours, Orléans, Auxerre, Valenciennes, Hochfelden ktp... Poste, S-ro Archdeacon, Prez. de la franca Societo por la propagando de Esperanto paroladis en esperanto pri nia lingvo. Li mem tradukis sian paroladon france por la ankoraŭ ĉeestantaj redaktoroj de la havra gazetaro.

Sabaton matene, kvin lernantoj partoprenis ekzamenon por Atesto pri kapableco kaj kvar por Atesto pri lernado.

Je la dekkvara la kongresanoj per aŭtomobilegoj vizitis la havenon ankaŭ la transatlantikan ŝipon « Paris » de la Ĝenerala transatlantika Kompanio. Poste je la dekoka, okazis akcepto ĉe la Urbdomo. Tie, S-ro Hauville, Vicurbestro, Arnaudtizon, ĝenerala kaj urba konsilanto vizitigis al la kongresanoj la diversajn apartamentojn de la Urbdomo kaj montris al ili planon de la nova konstruota stacidomo, Fine, oni kunveniĝis ĉe la granda kaj luksa akcepsalonego kaj S-ro Hauville bondeziris bonan venon al ĉiuj kaj varme

paroladis pri esperanto, post kiam S-ro Dubuisson prezentis la kongresanojn, S-ro Archdeacon faris paroladon pri la utileco de nia lingvo dirante ke tie-ĉi nia lingvo devus sukcesi pro la diversaj fremdaj ŝipoj kiuj ĉiujare haltas en nia haveno. Poste S-ro Sturmer, brita samideano kaj S-ro Fehr, germana esperantisto diris kelkajn vortojn en esperanto. Vespere okazis balo. Dimanĉon matene, okazis la oficiala malfermo de la Kongreso. Liceestro, S-ro Mourguet, reprezentanto de la publikinstruada Ministro, kaj S-ro Risson, anstataŭiganta la Urbestron, paroladis kaj bondeziris bonan sukceson je niaj laboroj. Ankaŭ Profesoro Bujwid, pola esperantisto diris kelkajn vortojn en esperanto. Fine S-ro Petit, konstanta sekretario de la franca Societe pp.. esperanto nomigis la diversajn federaciojn kaj grupojn kaj rapide, ni iris al la Havra Foiro kie S-ro Salacrou, Prezidanto akceptis nin. Tre interesaj estis la standoj kaj post tiu-ĉi vizitado, ni fotografiĝis. Posttagmeze, okazis la ĝenerala kunveno de la franca Societo kaj, post diskutadoj, oni voĉdonis ke okazos turista karavano en Touraine dum 1931, reĝustigo de nuna internacia organizo, Raporto Vogt kun rezervoj Dubois estas aprobita, kreado de propaganda bulteno eldonota france, proksima kongreso en Dijon dum Pentekosto ktp... Novaj membroj elektitaj Sroj Couteaux, Bastien, Fino Bonnet el Paris, S-ro Lamand el Limoges. Diversaj raportoj, interalie pri Radio-telefonio estas aprobitaj. Fine, Bankedo. Diversaj personoj paroladis, antaŭe S-ro Mourguet, reprezentanta la publikinstruadan Ministron, S-ro Risson je la nomo de la Urbkonsilantaro diris tre favorajn vortojn pri Esperanto, S-ro Dubuisson dankis la ĉeestantajn Oficiulojn kaj refaris la historion de la movado; S-ro Arnaudtizon, ĝenerala kaj urba konsilanto faris majstran paroladon. Prezidanto de la Inicata Sindikato parolis pri Esperanto en turismo, S-ro Dro Loir, diris emociajn parolojn: de 46 jaroj, li ne vidis S-ron Doktoron Bujwid, kiu laboris kun li ĉe Pasteur-eksperimentejo. S-ro Sturmer parolis pri Oxforda kongreso, fine S-ro Petit je la nomo de la franca junularo diris tre ĝustajn parolojn. Poste balo fermis tiun-ĉi kongreson.

---

## 19-a Esperanto-Kongreso Germana en Dresden

La kongreso komenciĝis per senĝena kunesto en la Dresdena grupejo, Kasino Gebr. Arnhold, vendredon vespere. Sabaton matene estis la unuaj gvidadoj tra la Ekspozicio de Higieno, gvidanto estis Samideano Schramm. Sabaton posttagmeze la unua granda kunveno: ĉefkunveno de la Esp.-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj en koncertsalonego de la ekspozicio. Ĝin prezidis S-ro Schneller, kiu donis la jarraporton. Poste S-ro Bennemann, Leipzig, paroladis pri « Pedagogia terminogolio » kaj rikoltis riĉan aplaŭdon, same ankaŭ la prezentaĵoj de lernejaj infanoj el la lernejoj en Olomouc (S-ro Neuzil), Gohlis (S-ro Hahn), Weinböhla (S-ro Shormann) kaj Grossenhain (S-ro Naumann).

Estis vere mirige, kiom bone la infanoj el du nacioj sekvis la ekzamenen de S-ro Pastro Ĉe. Poste paroladis S-ro Neuzil ankoraŭ pri « Harmonio de parolo kaj movo », ilustrante sian paroladon per kelkaj prezentaĵoj de siaj lernejanoj.

La salutvespero estis vizitata de almenaŭ 600 personoj, krom la jam alvenintaj gekongresanoj ankaŭ multaj gastoj el Dresden kaj ĉirkaŭaĵo. Oni interkonatiĝis abunde, babilante, dancante laŭ la sonoj de moderna dancorkestro, kaj oni ne ofte estis malhelpata en la interkonatiĝo per prezentaĵoj. Okazis nur dancprezentaĵo de lernejaninoj de la komerca lernejo Huhle kaj Wakczynska — la junulinoj en diversnaciaj kostumoj unue interkonatiĝis per Esperanto kaj tiam dancis figurriĉan gavoton, enstuditan de dancinstruisto Munier-Klotz. Post aplaŭdo ili aldonis belan valson kaj ree rikoltis longdaŭran aplaŭdon. La prezidanto de la LKK, S-ro Karsch, salutis la interkonatiĝantojn kun longa vosto de utilaj sciigoj, la « ĉokoladistino » de Liotard venis el la pentraĵgalerie kaj invitis jam nun al la festo en Lingnerschloss, F-ino Pollatz kantis novan melodion de la Espero, komponitan de Prof. Votekamp — jen ĉio, kio estis prezentita dum la salutvespero.

Dimanĉon matene en la belega kremacieja parko en Tolkewitz kvardeko da samideanoj kuniĝis ĉe la tombo de Marie Hankel, la prezidanto de GEA. S-ro Postrat Behrendt, Berlin, parolis profunde sentitajn vortojn pri la meritplena pionirino de nia movado, florkrono estis metata sur la tombon kaj foririnte ĉiuj havis la senton, ke decas danki al niaj mortintoj ĉiuj tion, kion ili faris, kaj la devon, postsekvi ilin en tiu sinofero.

La solena malfermo de la kongreso okazis en la ĉefa salonego de la Higiena Muzeo. Elektra lumo heligis la salonon, kiam preskaŭ 600 kongresanoj kaj multaj honorgastoj envenis. Eksonis majeste la vortoj de Ifigenio, parolitaj de F-ino E. Reicher, Berlin, la fratino de la Dresdena Ifigenio de 1908; eksonis muziko: Mozart, trio E-dur, ludita majstre de Paul Aron, Bernhard Günther kaj Willibald Roth, emocie tuŝante la aŭdantaron. Post la fino subite la elektra lumo ĉesis kaj la kurteno de la giganta fenestro de la salonego flankeniĝis por enlasi la brilan taglumon. En la sama momento sur la estrado kuniĝis la estraro de GEA kaj la prezidanto de la LKK, S-ro Karsch, salutis la gekongresanojn. Li akcentis la ĝojon de la Dresdenanoj, ke la dum jaro ripetita alvoko « Venu Dresdenon, koran bonvenon! » denove pruvis sian efikon kaj ke preskaŭ 600 kongresanoj el Germanujo kaj eksterlando venis al la kongreso. Li deziris al ili bonvenon en Dresden kaj al la kongresa laboro ĉiun sukceson; li deklaris la kongreson malfermita kaj transdonis la gvidadon al S-ro D-ro Vogt, Stuttgart, vic-prezidanto de GEA. Tiu siaflanke salutis la kongresanojn kaj la honorgastojn, menciis honore la mortintojn de la pasinta jaro. Sekvis salutparoladoj de al reprezentantoj de la saksa registaro Dr. Kraner, Oberschulrat, de la urbestro de Dresden Studienrat Dr. Hübert, de la reprezentanto de la Aŭstria registaro, Generalkonsul Eiselt, de la prezidanto de la Higiena Ekspozicio Dr. Krüger, de Reichsbahnoberrat Dr. Bless, de D-ro H. Arnhold, reprezentanto de la Dresdena Industrie- u. Handelskammer, kaj de Dr. Wittke, prezidanto de la « Bund Sächsischer Industrieller », ĉiuj akcentis la komprenon por la graveco de Esperanto por idealaj kaj praktikaj celoj. La festparoladon faris en sia kutima brila maniero S-ro Postrat Behrendt, Berlin, pri la temo: Kun vorto kaj bildo en la mondon! Li skizis la evoluon de parolo kaj skribo de ĝiaj prakomencoj ĝis la nunaj eblecoj de reproduktado en la parolanta filmo kaj pentris image la eblecojn, pli bone la bezonon de neŭtrala lingvo, de Esperanto. Tiu parolado, kiu estis radie disaŭdigata de la « Mirag », trovis plenan atenton de la kongresanoj same kiel de la gastoj; ĝi meritas esti disvastigata kiel flugfolio kaj uzata por la propagando en tiu direkto, kiun ĝi celas. Riĉa aplaŭdo sekvis ĝin. Post la festparoladoj sekvis ankoraŭ salutoj de Prof. Dr. Dietterle nome de la Germana E. Instituto, de TAGE kaj de ICK, de direktoro Hans Jakob, nome de UEA (memore menciinte la forpason de Generalo Sebert kaj S-ron de Ménil) kaj de reprezentantoj de la Esperanto-Unuiĝoj en Anglujo, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Japanujo, Jugoslavio, Nederlando kaj Rumanujo. Komuna kantado de la himno finigis la solenan horon. Post la kutima fotografado antaŭ la Muzeo

de Higieno la partoprenantoj promenis al la ekspozicia palaco, kie ilin atendis en la granda salono feste ornamitaj tabloj por la komuna tagmanĝo. Ruĝa papavo donis al tiu riĉa florornamo la ĉefan noton, sur la tabloj kuŝis rozoj kaj la tuta aranĝo kiel ankaŭ la tostoj faritaj de Postrat Behrendt, Dr. Hch. Arnhold kaj Prof. Dietterle faris tre belan impreson al la partoprenintoj. Post la manĝo sekvis promeno al la aleo de la 100 fontanoj, kie ĝuste je tiu horo la sonorilaro farita el Meissena Porcelano, sur la domo de « Dresdner Anzeiger » ludis la Esperon. Kun unuhora malfruiĝo komenciĝis la unua laborkunsido de GEA. La jarraporto montris, ke efektive multa laboro estas farita, ke la negocoj kaj la kaso de GEA estas en ordo kaj ke pro tio la estraro povis esti malŝarĝita. La meritojn de S-ro Konsul von Frenckell, Dresden, kaj de S-ro lernejestro Hahn, Gohlis, GEA honoris per dediĉo de la honora stelo de la asocio. En tiu kaj la laborkunsido de GEA lundon matene oni krome aŭdis la raportan de la konsilantaro de GEA kaj diskutis ĝiajn diversajn punktojn, ankaŭ tie konstatante, ke oni laŭpove laboris kaj ankaŭ povis registri suksecon. Anstataŭ la foririnta negocgvidanto de GEA S-ro Schwarz, kies laboron oni laŭde menciis, oni elektis unuvoĉe la ĝisnunan anstataŭanton S-ron Habellok. Dimanĉon vespere kunsidis krome ankoraŭ la reprezentantoj de la Internacia Pacifista Ligo kaj la Radio-amatoroj. La reston de la vespero oni pasigis en la fee lumigitaj parkoj de la ekspozicio, speciale en la aleo de la 100 fontanoj, vere mirinde bela.

Lundo matene, kiel jam supre menciita, la dua laborkunsido de GEA, en ĝi la decido pri la kongresurbo venonta: invitis Hamburg kaj Würzburg. Oni akceptis Hamburg kaj promesis al Würzburg veni tien post du jaroj — bona signo, ke nun jam la urboj urĝas, inviti la kongreson — kongreslaceco ne montriĝis en Dresden!

Lundon ptm. unuhora kunveno de Universala Esperanto-Asocio sub gvido de ĝia vicprezidanto Karsch kaj en ĉeesto de la Direktoro kiu parolis pri la stato de la Asocio. Ĉeestis 350 personoj. S-ro Rockmann parolis pri la nuna stato de UEA en Germanujo, dume S-ro Karsch skizis la laborojn de la komisiona kunveno en Genève je Pasko nunjara, la rezultaton de la enketo inter la germanaj Delegitoj de UEA, kiuj ne estas anoj de GEA. Li akcentis speciale la gravecon de forta UEA por la propagando de Esperanto entute, pri kies efiko ŝajnis esti (laŭ rimarkoj faritaj en laborkunveno de GEA) iaj duboj. La diskuto montris unuanimecon en tio, ke necesas forta internacia asocio — UEA — same kiel fortaj naciaj societoj, kaj ke kunlaborado de ambaŭ estas kondiĉo nepre necesa. La tempo disponita pasis, antaŭ ol oni ĉion povis pridiskuti, la sekvanta fakkunsido estis aranĝita de Saksa Ligo kaj speciale okupis sin pri invitoj de S-ro Ĉe kaj la Hinda samideano Sinha. Je la 4-a finiĝis la laboraj kunsidoj, tri grandaj aŭtomobiloj kondukis 100 kongresanojn tra Dresden kaj ĉirkaŭaĵo al Pillnitz kaj de tie trans la belaj montoj de Weisser Hirsch al la « Lingnerschloss ». Tie jam la aliaj kongresanoj kuniĝis kaj nun evoluiĝis en tiu bela kastelo kaj partoj de la parko ĝardenfesto kian germana E. Kongreso ĝis nun ne havis. Ĉefa allogaĵo estis la prezentado de la opero « Bastien kaj Bastienne » de Mozart en bonega traduko de Paul Bennemann, Leipzig. La artistoj, operkantistino Cläre Körner, operkantistoj Paul Seidner kaj Fritz Römer, Dresden, sukcesis same en kanto kaj ludo kiel en regado de la lingvo. S-ro Prof. Albert Kluge, akademia instruisto ĉe la « Dresdner Konservatorium », kiu gvidis la studadon de tiu aminda verketo, akompanis la prezentadon ĉe la fortepiano. La impreso de lo opero, ludida en la belaj kostumoj de la rokoka tempo antaŭ antikva halo sub libera ĉielo, estis unika kaj oni nur bedaŭris, ke la tradukinto, S-ro Bennemann, ne plu ĉeestis kaj ne povis vidi la sukceson de sia laboro. Poste prezentis la lernejanoj el la lernejoj Olomouc, Gohlis, Weinböhle kaj Grossenhain ankoraŭ ĉarmajn ludojn scenojn, deklamojn kaj kantojn, kaj fine oni amuziĝis dancante, babilante aŭ promenante en la iluminata parko kaj admirante la belegan panoramon de Dresden de sur la teraso de la kastelo. Neforgesebla festo — la juĝo de ĉiuj gastoj.

Kongreso finiĝis kaj verŝajne ĉiuj partoprenintoj estas kontentaj pri ĝi. Almenaŭ gravaj plendoj ne aŭdiĝis, male danko estis dirita de multaj flankoj al la LKK. Kaj S-ro Behrendt en sia tosto estis prava, kiam li ŝerce diris: Estas arogantaĵo de LKK Dresden, prezenti al ni tian kongreson — kion faru la estontaj LKK-oj, por superi la Dresdenan kongreson?

J. K.

---

## Pri Viena deficito:

*Ni reproduktas ĉi-tie leteron de usona samideano, S-ro Dan W. Gibson en Seattle.*

Mi sendas al vi hodiaŭ poŝtmandaton en la sumo da kvin frankoj svisaj (unu dolaro usona), kiun sumon mi petas ke vi almetu al la monkolekto por elpagi la deficiton kiu resultis el la Viena Kongreso en 1924.

Krom tio, mi promesas sendi egalan sumon al vi, por tiu ĉi uzo, ĉiun monaton dum tuta jaro, aŭ ĝis tiam, kiam tiu ĉi nigra makulo estos forviŝita el la kronikoj de Esperanto.

Mi sugestas, ke vi enpresu en la jurnalo « Esperanto » anoncon ,alvokantan al la tuta Esperantistaro, ke ĉiu vera Esperantisto same promesu, ĉiu laŭ sia povo, sisteman monatan pagon, ĝis tiu ŝuldo estos elpagita.

Plie, mi sugestas ke vi transsendu tiun ĉi proponon al ĉiuj Esperantaj ĵurnaloj ĉie, petante ke ili enpresu similajn anoncojn en siaj paĝoj.

---

## ONI DANKAS

S-ino Julia Balázs el Santiago de Chile plej sincere dankas al la delegito de Genova al tre afabla bona onklo: Sinjoro M. Arabeno pro atendo kaj helpo ĉe la elŝipiĝo kaj tuttaga gvidado kaj prizorgado!

*** S-ro Paulo Balkányi, ĉefdel. de UEA en Budapest, varme dankas al S-ino Eugenia Morariu, Del. de UEA en Cluj, pro grava laboro en intereso de la budapesta foiro.

*** S-ro Martin, Delegito en Mâcon, restas daŭre danka al S-ro Moy Thomas, ĉefdelegito en Londono, pro afabla akcepto kaj helpo al sia filo okaze de restado en Britujo.

*** La Esp. grupo en Weidling, Aŭstrio, esprimas per tio plej koran dankon al S-ro D-ro Philippet, D. de UEA en Parizo, por afabla gastigo kaj helpo al grupano Robert Klausberger. Pruviĝas denove la valoro de institucio kia estas nia UEA. — Karl Neumann, subkolonelo.

*** La prezidanto de la Unua Amsterdama Societo Esperantista, S-ro Jean B.B. Dufrenne, kaj la Sekretario de ĉi tiu unuiĝo, S-ro W. A. Zeylstra, kiuj dum du tagoj loĝis en Bergen (Noord-Holland) afable dankas S-ron A. Pacha por la elkora akcepto dum sia restado en la bela Nordholanda vilaĝo.

*** S-ino Erna Zimand, Del. de UEA en Stryj, kore dankas al S-ro Edmund Sós, del. kaj komitatano de UEA en Wien, por multfoje plenumitaj servoj.

## Esperanto-poŝtkarto de Liĥtenstejno

La I.C.K. informas nin ĉe redakci-fino, ke la esp.-poŝtkartoj de Liĥtenstejno ĵus eliris. La sendintoj de gazetoj ricevos la promesitan karton post kelkaj tagoj.

11

## Instruista Fakkunsido dum la Internacia kongreso en Oxford Marde, la 5-an de Aŭgusto, posttagmeze 14,30

TAGORDO

1. Salutvortoj de la prezidanto.
2. Raporto pri TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) kaj IPR (Internacia Pedagogia Revuo).
3. Konfirmo de la elekto de nova prezidanto.
4. Raporto pri IALA (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.), New York kaj « Kunlaborado » kun IALA.
5. Parolado de Profesoro D-ro W. Collinson, Liverpool, pri « Ligo de Nacioj kaj Lernejo ».
6. Diskuto de la parolado. 7. Proponoj. 8. Diversaĵoj.

## AVIZO AL LA KONGRESANOJ trapasante BOULOGNE-SUR-MER

Kongresanoj trapasante Boulogne-sur-Mer por ĉeesti la Kongreson en Oxford renkontos en la Marstacidomo samideanojn kiuj plezurege helpos ilin por la enŝipiĝo, ŝanĝo de mono, pasportaprobo, k.t.p. dum la kvar tagoj antaŭ la Kongreso.

La Kongresanoj kiuj intencas ĉeestadi en Boulogne-sur-Mer irante aŭ revenante povas sin adresi por ĉiuj sciigoj al la Delegito de UEA (S-ro Baire, Inĝeniero, 74, rue des Pipots) aŭ la Delegito de la loka Komitato (S-ro Duchochois, 18, place de Capécure).

Kongresanoj kiuj trapasos Calais por iri al Oxford trovos ĉian helpon. Pri mendo de ĉambroj oni skribu al la loka delegito de UEA, S-ro G. Perrin, 8 rue de Rome, Calais.

## AFABLA PETO!

Por grava daŭra ekspozicio de la Unuiĝo por Ligo de Nacioj kaj Paco mi bezonas il. poŝtkartojn el ĉiuj landoj, prefere kun la markoj bildflanke. Mi volonte ricevos tiajn. Bedaŭrinde mi ne povos respondi. Koran antaŭdankan! Adreso: S-ino Julia Isbrücker, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando.

## Internacia Esperanto-Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

Meze en Wien, en Neue Hofburg, ni nun ricevis nian hejmon. Ni deĵoras tie labortage de 9-12 kaj 15-18 h., sabate 9-12 h.

Vizitu IEMW tuj post via alveno en Wien aŭ skribu antaŭe jam. Vi havos la okazon legi pli ol 100 div. E.--gazetojn kaj multajn librojn. Sendu materialon!

## Esperantista vivo

**Naskiĝo**

Al Ge-sroj Pietzner, D en Ermsleben, Harz, filo Klaus.

**Fianĉiĝo**

S-ro Ganĉo Jotov, VD de UEA en Milhalci (Bulgarujo, Tirnovo) kun F-ino Cvetanka K. Jamakova.

**Edziĝo**

S-ro Carl Adolph Hvorslev, vicdelegito de UEA en Aarhus, Danmarko, kun F-ino Anna Broegger.

**Honorigo**

S-ro Ernst Glück, Ano de UEA 32349 en Vieno, akiris la gradon de filozofia doktoro.

S-ro M.J. Ziomek, MA en Kraków, akiris la gradon de jura doktoro ĉe Jagelona Universitato.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Komandanto Antonio Peri, Delegito de UEA en La Spezia, 17.V.30. Sindona, klera kaj eminenta samideano, aliĝinta al nia movado jam en 1911. Li multe klopodis pri nia afero kaj uzis nian lingvon kaj organizon en praktika maniero. Li estis Direktoro de la Liguria Hidroelektra Societo kaj supera oficiro en la itala ŝiparo. UEA perdis en li fidelan akuratan kaj ege ĝentilan Delegiton. Li postlasas edzinon kaj tri filinojn. La itala movado perdis en li valoran forton.

S-ino Ida Steiner, nask. Zarboch, edzino de nia ano D-ro Inĝ. Karlo Steiner en Praha, 17 Majo 1930, sekve de operacio.

S-ro Ger. Hendr. Wilh. Cote, Dumviva membro kaj Vicdelegito de UEA en Utrecht, 24.V.1930.

S-ino Jakob-Notz, la edzino de la Direktoro de UEA, mortis 42 jara en Genève la 19an de Junio post trijara malsano tre suferiga. En la malfacilaj postmilitaj jaroj, ŝi kunlaboris pacience kaj energie ĉe la Centra Oficejo, kie ĉiuj memoras ŝian sindonon. Poste ŝi retiriĝis hejmen por eduki la filineton, nun dekjaran. Baldaŭ venis la longa kaj doloriga suferado, nun ĉesigita per neantaŭvidite subita fino.

Kruela novaĵo atingis nian direktoron S-ron Hans Jakob en Serbio, kien li vojaĝis por nia afero. Malgraŭ plejrapida hejmenveturo li alvenis kelkajn horojn tro malfrue por revidi la edzinon. En la nomo de nia Asocio kaj de miloj da amikoj en la tuta mondo ni esprimas al li kaj al lia filino nian profundan simpation. S-ro Jakob sciu, ke la amikeco kaj kora sento de la esperantistoj lin ĉirkaŭas kaj admiras la kuraĝon, kun kiu li fidele daŭrigas sian malfacilan taskon por la bono de Esperanto kaj de la homaro.

La ĝenevaj esperantistoj partoprenis la funebran ceremonion la 21an de Junio kaj D-ro Privat parolis en ilia nomo post la diservo por esprimi la simpation de ĉiuj samideanoj.

S-ro D-ro Andreo Fiŝer, Dumviva membro de UEA, Ano de la Lingva komitato iama Delegito de UEA en Tiflis, malnova samideano kaj verkisto 74 jara, post grava operacio 27a de Majo 1930.

S-ro Hollert, ano de UEA, kulturisto de floroj, 74 jara, Boulogne-sur-Mer.

S-ro Johano Gabor, Delegito de UEA en Mercureaciuc, Ruman., 29.V.30.

*Sinceran kunsenton!*

# Pro abundeco de materialo

## la anoncoj - Korespondado - Petoj kaj Proponoj - aperos en la proksima numero.



**ESPERANTO**
Svisa Poŝtĉeko: Genève, I. 2310

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj
Korespondа anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.
Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1/8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25
Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE